5ª Jaro 1907-08 N° 50 JULIO

# Espero Katolika

*REVUO MONATA EN ESPERANTO*

(Honorata per Apostola Beno de Pio X-a, 27-an de Junio 1906)

**RELIGIO. — FILOZOFIO. — HISTORIO. — SOCIOLOGIO**
**LITERATURO. — ARTO**
**REVUO DE REVUOJ. — BIBLIOGRAFIO. — 'SAKOJ**

« Unum ovile et unus pastor.» (Joh. X, 16,) «Unu ŝafaro kaj unu paŝtanto.»

## ARTIKOLARO



**REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO**

Ĉe la Direktoro : **P-ro Em. PELTIER**
**Sainte-Radegonde** (Indre-et-Loire) **France**

*Manuskriptoj neniam estos resendataj.*

**Por la FRANCAJ poŝtmandatoj la Poŝtoficejo estas SAINTE-RADEGONDE ; por la NEFRANCAJ la poŝtoficejo estas TOURS.**

'Ĉiuj verkistoj estas persone respondaj pri siaj artikoloj. La Revuo estas responda nur pri artikoloj subskribitaj de la Direktoro. — E. K. estas malfermata por ĉiuj personoj kaj por ĉiuj demandoj (escepte la politikaj).

## ABONEJOJ DE E. K.

FRANCLANDO : 'Ce la Direktoro de E. K. — 'Ce la Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépéde, *Paris-V.* — 'Ce librejo Warnier kaj Ko, 15, rue Montmartre, *Paris.*
ANGLOLANDO British Esperanto Association, 13, Arundel Street, Strand, *London, W. C.*
BOHEMUJO-AUSTRIO : F. Topiĉ, libr. Ferdinandova, 9, *Praha.*
CILILANDO ; S-o Luis E. Sepulveda Cuadra, Casilla 1679, *Santiago-Chili.*
DANUJO Dana Esperanta Oficejo, S-o Monster, 54, B. 4. Osterbrooad, *Kopenhago.*
GERMANLANDO : Moller & Borel, 96, Prinzenstr., *Berlin.*
HISPANLANDO : S-o A. Jimenez-Loira, Paterna, *Valencia.*
HOLANDUJO : S-o H. B. van ZWET, Heerenweg, 51 bis, *Utrecht.*
HUNGARLANDO : S-o Endra Varju IV, Kigyo, U, 62. em. 14, *Budapesto.*
ITALLANDO : S-o Jakobo Bianchini, *Fontanafredda de Pordenone* (Udine).
LITOVUJO : P-o A. Dombrowski, en *Kovno*, Rusujo.
NOVA ZELANDO : S-o A. J. Burges, libr. Devon Street, *New Plymouth* (New Zealand).
POLUJO : Arct. libr. Nowy Swiat, 53, *Warszawia.*
PORTUGALUJO : D-o Malato, 37, Clerigos, *Portalegre.*
RUSLANDO : Societo Espero, Bol. Podjäceskaja, 24, log. 19. *S. Peterburgo.*
SVISLANDO : Librejo Garin, 20, rue Corraterie, *Genevo.*

## KONDIĈOJ DE ABONO

*Abono jara* : 5 fr. (2 Sm.). — En Francl. 4 fr. (1 Sm. 60).
*Unu numero* : 0 fr. 50, afrankite, (20 Sd.)

Abonoj estas akceptataj nur por tuta jaro. Komencaj datoj : oktobro, januaro aŭ marto. La Revuo ne aperas en aŭgusto nek en septembro. Poŝt-kuponoj internaciaj estas akceptataj.

*ATENTU! Sur la koverto de l' unua numero post la fino de l' abono estos stampata :* Via abono finiĝis kun la lasta n-o.

REKLAMOJ.— Ni ricevas grandajn anoncojn nur por UNU JARO (10 n-oj) Tuta paĝo kostos 100 frankojn; — 2-on-paĝo : 50 fr.; — 4-on-paĝo : 25 fr.; — 8-on-paĝo : 15 fr.; — 16-on-paĝo : 8 fr. — *Por anonci en E. K., sin turni al S-o G. Warnier, 15, rue Montmartre, aŭ al la Direktoro de E. K.*

*Ĉiu abonanto havas rajton por 5-linia anonceto dum tuta jaro de l' abono.*

# KATOLIKA PREGARO

EN KIU TROVIĜAS 'CIUJ DIMANĈAJ DISERVOJ

KAJ

LA PLIMULTO DE LA FESTOJ DE L' JARO

*Latine kaj Esperante*

APROBITA DE LIA ALTA MOŜTO M-O RENOU

*'Cefepiskopo de Tours (France)*

1-a volumo.— Prezo : 2 fr.50 (1 Sm.), bindita : 3 fr.10 (1 Sm.20)

# ANONCETOJ

*5 linioj senpage por abonantoj dum tuta jaro de l' abono. — Oni devos pagi 10 centimojn por ĉiu vorto post 5 linioj, aŭ mallongigi l' anonceton.*

Sola kondiĉo antaŭa pago de l' abono.


— KOMERCO —

*Vinoj* ruĝaj, blankaj, junaj k. maljunaj nepre naturaj, bonegaj, altgradaj (11° almenaŭ), senditaj senpere de bienuloj el Roussillon. Skribu al parokestro Andreu, en Fourques (P.-Or.), France. Petu prez. 8

*Esperantaj romancoj* tre bone presitaj, verkitaj de S-o Louis Rigoir, 26, rue du Progrès, Marseille, Franc. *En sonĝo*, parol. de Do Zamenhof : 0 fr. 75. *Kristnasko*, par. de Do Philippett : 1 fr. 50. *Kanto de l' Diabolo*, parol. de Aymonnier, 1,50. 6-5

*Presmaŝinoj* kaj materialo por presejoj. Instalo de presejoj : tre rapidaj presmaŝinoj presantaj unu flankon de l'papero ; brak-presiloj; tranĉo-maŝinoj por papero, kc. — A. Dubuc. mekanikisto-konstruisto, 15-17, rue Saint-Romain, Paris, Telefono 706-45. 11-5

*Stradivarius*, violono de 1690, vendebla ĉe Monakinoj, Casa di Ritiro, Zitelle Udine, Ital. 7

*Tandem'o* estas vendebla aŭ interŝanĝebla kontraŭ fraŭlina bicikleto ĉe L. Polart, 44, rue Mozart, Paris, Francl., kiu ricevos ĉiam plezurege k. respondos leterojn pri socialaj demandoj. 18

*Bonega oleo* Toskan-oliva, prezoj konvenaj. Sin turni al S-o Luciano Graziani, Fontanafredda de Pordenone, Udine, Itall. 20

*So J. Pion*, 34, rue de la Comédie, Beaune (Côte-d'Or), Francl., sendas 12 malsimilajn vidaĵojn esperantajn pri Beaune, po 1 fr. 50 (60 Sd.). Li akceptas ko espondon per stenografio Esperanta laŭ Pitman. 21

*S-no Eva Jouan*, Palais Belle-Ile en Mer (Morbihan), Francl. Artobjektoj faritaj de markreskaĵoj sur fajenco, ŝtofoj, papero. Laboro nereproĉinda kaj malkara. 25

*Grani-Zanon*, kunmetitaj laktoipofosfitoj : kuracilo la plej taŭga, serioza, ekonomia, honesta, populara k. sukcesplena kontraŭ anemio k. malforteco. Boteleto da 100 pilol. 2 fr.; 6 botelet. 10 fr. Eksterl. la poŝtelspezoj plie. Sin turni al So G. Zanon, Villadelconte, Padova-Itall. 26

*Libroj vendotaj*. Tri unuaj jaroj de *Lectures pour Tous*, neprovoblaj en librejo. Ĉiu jaro formas beleg. volumon 1152-paĝ. in-4, en perfekta konservateco. Skribu al So Bourgary, 23, rue du Nouv.-Calvaire, Tours, Francl.

*Fama ruĝa vino* de Mercurey en boteloj k. bareloj. Campanigo de vinoj por bienuloj, laŭ prezo interkonsentota. Ch. Jadeau, en Mercurey (S.et-O.), Francl. 27

— KOLEKTISTOJ —

*S-o Derroite*. 108, avenue Victor-Hugo, Paris. Kolektas poŝtkart. de religiaj pentraĵoj, sed nur : 1-e per paketo po 12 aŭ 24: 2-e post anonco k. akcepto de l'nombro k. prezo; 3-e el muzeoj de l' urboj de l'sendantoj; 4-e pri vivo publika de J.-K. 1-5

*F-no Barbin*, Le Lion-d'Angers (M.-et-L.). Serĉadas, interŝanĝas, aĉetas antikvajn paperojn, leterojn de 17,18,19-aj jarcentoj. Kolektadas ankaŭ famajn aŭtografojn precipe de muzikverkistoj. 2-5

*S-o Al. Wagner*, Stanislau, 2, Aŭstrujo, s.k.1.36, deziras interŝanĝi uzitajn poŝtmark. nur kun komencantaj gefilatelistoj laŭ senf. 1908. Sendu anticipatajn kondiĉojn. 12-5

*Frato Mucien Louis*, prof., rue du Collège, 136, Verviers. Belg. estus tre feliĉa ricevi de afablaj samideanoj : divers. propagandilojn, malnovajn revu-numerojn k. ĉiuspecajn aĵojn rilatajn al Esperanta disvastiĝo. 15

*S-o Varju Endre*, Budapest, IV, Kygio, C-E 62, em, 14, kolektas kaj interŝanĝas uzitajn poŝtm. 17

*Rusl.* Saratov, Kesto 12. G. Davidov pagas altan prezon por gazetoj «Esperanto-Santander», Saksa Esp. n-o 2, 1907, Japana Esper. n-o 3 1906 La Pioniro-India, n-oj 1,2,4. La Esp. Sofia, 1890-91. 23

Oni petas anglan vortaron kun elparolo interŝanĝe kun novaj Esp. libroj aŭ 3 antikvaj piaj libroj. F-no L. Petit, 23, av. du Ch. de fer, Vitry-s-Seine, Francl. 24

*S-o A. Marich*, Ulloï 59, 4,8, Budapest IX (Aŭstrio), deziras aĉeti la unuajn n-ojn de E. K. 4-paĝa, kiam ĝi estis nur aldono de franca revuo *Aube*.

— KORESPONDADO —

*So Marcel Génermont*, 11, place de la Gare, Moulins (Alliers), deziras korespondadi per ilustrit. poŝtkart, kun nefrancaj esperantistoj. 13-6

*Marco Lliro*, Escoles Pies, Sabadell, Espana. Katolika pastro, interŝanĝ. leterojn kun lertaj katol. literaturistoj ĉiulandaj pri respektiva nacia literatura historio. 5-5

*So H. Voirin*, Saint-Clément (M.-et-M.), Francl. Interŝanĝas ilustr. poŝtkartojn kun ne-Eŭropanoj. 17

*So F. Rawiçki*, Seminariano katolika, deziras korespondadi, se eble kun pastroj kaj seminarianoj. Adr.: Seminario katolika en Wloclawek, Polujo. 19

*Feliks Knapski*, Zgierr, Piotrk. gub. Poluj-Rusl., respondas tute senpage pri komercaj, industriaj k. negocaj informoj tie ĉi en Polujo. Kolektas k. interŝanĝas poŝtmarkojn. 22

*F-ño Bernard*, ins., 1, rue S. Martin, Angers, Franc., deziras korespondi esperante aŭ germane kun Dresdenano aŭ -ino pri la Kvara. 28

*13-jara knabo*, Hermann Wuttke, deziras korespondi per poŝtkart. ilustrit. Adreso : Pionerstrasse, 21, Magdeburg, Germanl. 35-sp

*S-o Lawrence Klassen*, North Amherst, Ohio, U.S.A. deziras korespondi kun alilandaj geesper. per poŝtkart. ilustr. Nur bele kolorit. kartoj. Ciam respondos. 30

*Junaj Esperantistoj*, kiuj volas korespondi kun junul. en Esperanto volu sendi iliajn adres. al la rondeto « Junaj Esperantistoj en Graz». Adr.: S-o Karl Bartel, Graz, Aŭstr. Friesbrichg. 29. 32

*So Henry Coppin*, 3, rue François-Cuvelle, Douai (Nord), Francl., deziras korespondi letere aŭ poŝtkarte. 30-j

— INSTRUO —

*Stenografio*. Sistemo por franca lingvo, aprobita de E. Duployé, 2 fr. Sin turni al aŭtoro P. Bavay, Le Havre (S.-I.). kiu volonte sendos senpage sian sistemon al ĉiu, kiu sendos al li informojn pri ĉio tuŝanta memor-arton. 9

*Amuzanta !* — Cours méthodique d'Esperanto, legu E. K. n-o 41, okt. 1907, p. 29 ; afrankite : 0,50. P-o Servais, Fosses (Namur), Belg. 10

*S-o J. Mistler*, direktoro de la duagrada lernejo en St-Claude (Jura). Komercist-kurso. Instruado pri modern. lingv: Angla, Germana, Esper. Ital. Kursoj dum libertempo en aŭg. k. sept. Petu prospektojn. 3-5

*V. J. Baras*, instruisto pensiula en Bosson-Werbomont, Belg. k. lia filo Alexis, diplomita stenografisto (Duployé) akcept. lernantojn. Loko sana k. pentrinda. Fontoj de minerala akvo. 29

— DIVERSAJ —

*Aĉetantoj !* Atentu pri la maljustaĵoj, kiujn suferas mult. laboristoj. Favoru per viaj aĉetoj la firmojn, kiuj respektas principojn de justeco por siaj salajratoj. Aniĝu al *Sociala Ligo de Aĉetantoj*, aŭ fondu tian ligon, se ne ekzistas unu en via land. Petu inform. de Fno Magnier, 18, rue de l'Enseignement-Mutuel, Boulogne-s-Mer (P.-de-C.), Franc. 16

*Franco 33-jara*, bone edukita, scianta perfekte franc. lingv., deziras oficon de « akompananto » en familio ne-franca, aŭ de interpretisto en fremda hotelo. Skribu al S-o Hingant, 3, rue Boucicaut, Tours, Francl. 33-m

*Kontraŭ Pornografio*. Ni batalu kontraŭ ĝi aniĝante al unu el la Ligoj : « Moralité Publique », 47, rue des Petites-Ecuries, Paris ; — Ligo kontraŭ « trolibereco » de stratoj, 10, rue Pasquier, Paris. 34-o

*Por blinduloj*. Oni povas helpi al disvastigo de Esperanto inter blinduloj, sin farante membro protekta de la Blindulgrupo Esperantista. Kotiz. 1 fr. jare. Woluwe, Belg. 31

*Kliniko* de Do Ponzio (homeopatio kompleksa). Senpagaj konsult. per korespondo. La *Petit Manuel d'homœopathie complexe* estos sendata senpage kaj afrankite, por propagando, al ĉiu persono, kiu per afrankita letero petos ĝin de Direktor de la *Clinique*, 2, rue Portalis, Paris-8.


APEROS DUM LIBERTEMPO

**Lando de Mirakloj.**

**Ruĝuloj**, n° 2 el *Socialaj Demandoj*.

**Flavuloj**, n° 3 el *Socialaj Demandoj*.

**Jarlibro de Katolikaj Societoj Esperantistaj.**

# ESPERO KATOLIKA

*HONORATA PER APOSTOLA BENO DE PIO X-a*

*la 27-an de junio 1906*

*Memoru, ke E. K. ne aperas en aŭgusto nek en septembro. — Pripensu, ĉu vi pagis vian abonon al E. K. Se ne, rapidu sendi vian abonmonon, aŭ vi devos pagi plie la elspezojn por sendo de kvitanco poŝta. — Tiu ĉi numero havas* **40** *paĝojn,*

## BARBARA CIVILIZADO
## MAGIAROJ KONTRAU SLOVAKOJ

Kvankam mi devus absolute ripozi, pro mia tre grava sanstato, mi volas preni mian plumon por konigi al la tuta mondo la barbarajn rimedojn, per kiuj la Magiaroj « civilizas » la malfeliĉajn Slovakojn en Hungarujo.

Mia koro pleniĝis de indigno, kiam mi legis la kortuŝantan broŝuron de Bouŝka (1) pri tiu temo. Oni demandas sin kiamaniere tiaj procedoj estas ankoraŭ praktikeblaj, sen la protesto de civilizitaj nacioj, post 2.000 jaroj de Kristanismo !

Komentarioj ne estas necesaj. Mi nur mallonge analizos la verkon de Bouŝka.

### I

« En tiu ĉi regno Magiaro estas mastro » — diris en hungaria parlamento ministro Apponyi en januaro 1907,

1. *Slovakoj kaj Magiaroj,* 32-paĝa broŝur N-o 1 de *Informaj broŝuroj de Esperantista Konsulejo* en Praha. Librejo Vaclav Riegel. Praha II.1687, Bohemujo. — 55 centim.

kaj lia eldiro estis akompanata per la pasia aplaŭdo de la tuta parlamento. Tion diris ministro Apponyi, kvankam Hungario estas regno multenacia, loĝata de sep nacioj — Magiaroj, Germanoj, Rumenoj kaj kvar nacioj slavaj (Slovakoj, Rutenoj aŭ Malgrandrusoj, Serbokroatoj kaj Slovenoj) — inter kiuj Magiaroj estas nombre sole la duono da loĝantaro !

« ...Ĉiu politika kaj nacia celado magiara estas : magiarigi la tutan Hungarion, perforte ekstermi ĉiujn nemagiarajn naciojn kaj sur la ruinoj de iliaj kulturoj levi la flagon de nacie unuforma kaj unulingva magiara regno. Tio estas direktanta ideo de tiu ĉi regno, tio estas « Magyar allam eszme » (magiara ideo regna), kiu trapenetras la ĵurnalistikon kaj tutan literaturon, al kiu servas la scenejo kaj ĉiu arto, al kiu servas la scienco, ideo, kiu estas la spirito de la lernejoj kaj ĉiuj oficoj, kiu fariĝis por la nacio magiara ne sole programo politika, sed vere nacia religio — kiel prave diras R. Targo en sia broŝuro »Vyhubit« (Ekstermi).

« ...En la nomo de tiu ĉi senmorala ideo, por tiu ĉi barbara celo Magiaroj en ia malespera atakemo ĵetas sin kontraŭ la nacioj nemagiaraj. Ni rememoru sole la brutalajn provojn pri la plena submetigo de reĝolando Kroatujo, ekzemple la konatan atakon kontraŭ la kroata lingvo en fervoja administracio en Kroatujo ; ni rememoru la suferadon de la serba popolo, al kiu ekzemple magiara registaro konfiskis cent mil kronojn testamente donacitajn por fondi serban gimnazion ; ni rememoru la persekutadon de rumena popolo, tiujn sangelverŝadon kaj mortigadon, pri kiuj antaŭ kelkaj jaroj atentigis civilizitan mondon kortuŝanta manifesto de la rumena popolo ; ni rememoru ĉiujn provojn pri ekstermo de hungariaj Rutenoj ; ni rememoru la sorton de du milionoj da Germanoj sub magiara jugo en Transilvanio kaj precipe ni rememoru la teruran longedaŭran snbpremadon de malfeliĉaj Slovakoj, al kiuj lastatempe altiris la atenton de la tuta mondo la sangoplena tragedio en Cernova !

« Magiarigado — tiu ĉi plej granda industrio de Hungario, kiel tion trafe nomis estiminda de l' libereco kaj justeco, la glora verkisto Bjornsterne Bjornson — estas plej kruele praktikata kontraŭ Slovakoj. La historio de Slovakujo enhavas *terurajn faktojn* pruvantajn, ke la reprezentantoj de registara sistemo magiara en Hungario mensogas parolante pri la konstitucio, pri la libereco, pri la justeco kaj pri la kavalireco, montrantajn, ke tiuj homoj estas perfortaj sklavigantoj.

Ni citas kelkajn el tiuj *teruraj faktoj* :

## En lernejoj.

« La sorto de slovaka junularo estas terura. En popolaj lernejoj slovakaj infanoj estas instruataj per lingvo magiara ; estas evidente, ke ili ne povas sukcese sekvi instruadon en la lingvo, kiun ili ne komprenas. En magiara lernejo ĉio slovaka estas insultata, ĉe slovakaj infanoj estas vekata malestimo kaj malamo al Slovakoj, slovaka infanaro estas alkutimigata honti pro sia gepatra lingvo, insulti kaj malami propran nacion.

« ...Sed ankoraŭ pli malgaja kaj dolora estas magiarigado de infanoj slovakaj antaŭ ol ili plene ekposedis la lingvon gepatran. Laŭ la leĝo (el jaro 1891, art. XV) en ĉiu komunumo estas fondita infana vartejo (ôvoda), kiun devas vizitadi la infanoj en la aĝo de 3 ĝis 6 jaroj. En tiuj ĉi lernejoj studada lingvo estas la magiara, edukistinoj estas ordinare Magiarinoj nekonantaj slovakan lingvon. Kaj tiujn ĉi magiarigajn instituciojn devas fondadi kaj mone subtenadi slovakaj komunumoj, sed inspekto estas rezervita al la ŝtato. »

«...Kiel la ŝtato zorgas pri slovaka lernejaro estas videble ankaŭ el jenaj faktoj En unu budĝeto hungaria (en 1899) estis rezervitaj por lernejaj bezonoj 7.654.754 guldenoj (= 6.364.827,951 Sm) ; el tiu ĉi sumo estis destinitaj por kulturaj bezonoj de tri milionoj da Slovakoj — 300 (tri cent) guldenoj (= 249,42 Sm) ! Lernejaj konstruaĵoj estas ordinare duonruinaj, malsanigaj budoj,

veraj staloj, en kiuj estas infanoj en granda nombro amasigitaj, kunpremitaj ! En unu lernejo (en Vestenice) 150 infanoj ne vizitas dum kvin jaroj la lernejon, ĉar la konstruaĵo disfaliĝis ! En alia komunumo (Danos) estas 300 lernantoj, sed unu instruisto, en multaj komunumoj estas pli ol 150 infanoj en unu ĉambro ! En kvar komunumoj instruas tri metiistoj ! Tio ĉi estas faktoj nekredeblaj, sed veraj !

## Ce la juĝistaro.

«...Kiam unufoje iu forĝisto post la tralego de magiara verdikto petis la juĝiston pri la klarigo, ĉar li ne komprenas, li ricevis la respondon « érti, nem érti, mindegy » (komprenu, ne komprenu, ĉio egale). Cu tiu ĉi stato estas natura, ĉu ĝi ne estas ironio de la principo, ke la oficoj estas por la popolo ?

Sed magiaraj juĝistaroj en Slovakujo ne persekutas slovakan popolon sole per magiara lingvo, sed ankaŭ per maljusteco. Magiaraj juĝistaroj, precipe en procesoj politikaj, estas plene en servoj de magiarigado, en servoj de brutala perfortado. Estas malvero, ke la juĝistaroj en konstituciaj ŝtatoj estas sendependaj ; en Hungario oni juĝas laŭ la deziro de la registaro.

Ni montru tion per du ekzemploj. Konata estas la proceso kontraŭ la slovaka pastro Andrej Hlinka, D-ro Srobar kaj kolegoj en Ruzomberk (1906). En siaj paroloj ili postulis la enkondukon de slovaka lingvo en lernejojn kaj oficojn, ĉar la popolo ne komprenas la lingvon magiaran ; pro tio ili estis kulpigitaj, ke ili instigis slovakan popolon kontraŭ magiaran nacion ; Hlinka estis punita per dujara, Dr Srobar per unujara, iliaj kolegoj per du-ĝis sesmonata malliberigo ! En la jaro 1900, estis kondamnitaj 25 Slovakoj pro tio, ke ili iris renkonte al kondamnita redaktoro en stacidomon ; pro tiu ĉi « aprobado de delikto » ili estis punitaj per 2-6 monata malliberigo.

## Kontraŭ la gazetoj.

« ...Kruele persekutas magiara justeco slovakan pres-

aron kaj gazetaron, kiuj estas por nacio sen lernejoj, sen societoj la sola fonto de klerigado kaj edukado, sola evangelio. En lastaj ok jaroj, malriĉaj slovakaj redaktoroj pagis al hungaria ŝtato proksimume 50.000 K (= 20,785 Sm) kiel punmonon! Krom tio redaktoroj estas punataj per longedaŭra kaj tre ofta malliberigado.

### Kontraŭ rajto pri kunvenoj, societoj.

« ...Societiĝa rajto ne ekzistas por Slovakoj. En Tisovec jam de la jaro 1879, oni vane petas pri la permeso fondi societon — kantistan! Kiel povus Slovakoj fondi societon politikan! Slovakoj havis societon por subtenado de kulturo kaj literaturo « Slovenska Matice ». En jaro 1875, la registaro de Koloman Tisza malpermesis ĝin kaj ĝian havaĵon, 100.000 guldenojn (= 83.150 Sm), kiujn malriĉa popolo pene kolektis, konfiskis eĉ kun la donaco (1.000 guldenoj) de aŭstri-hungaria imperiestro. La tuta biblioteko, enhavanta milojn da ekzempleroj de volumoj, fariĝis ofero de musoj kaj flamoj,

### Sovaĝeco kontraŭ infanoj.

« Magiaroj fondis specialan Societon por « magiarigi » la malfeliĉajn Slovakojn. Tiu societo eĉ organizis la eksportadon de slovakaj infanoj en magiaran (sudan) Hungarion, por ilin magiarigi en magiaraj, ordinare seninfanaj, familioj. Tiun ĉi frenezan ideon ili realigis brutale en jaroj 1874 (tiame ili varbis 400 infanojn), 1887 (190), 1888 (86), 1892 (174) kaj 1900 (24). La sorto de tiuj ĉi infanoj estis dolora la agentoj forkondukis ilin de la gepatroj, vendadis ilin (eĉ unu gazeto magiara skribis, ke la infanoj estis vendataj — en Senteŝ en jaro 1887 — kiel porkidoj), turmentadis, bedaŭrindaj infanoj suferis korpe kaj anime. »

Ni pensas, ke tiaj citaĵoj sufiĉas por konvinki niajn legantojn. Nun ni citos la rezultojn de la « magiarigo », ĉiam laŭ Bouŝka :

## Rezulto por Slovakoj.

« ...Al Slovakoj tiu ĉi sennaciiga procedo malutilas morale, kulture kaj ekonomie.

Jam la nezorgo pri morala kaj kultura stato de slovaka popolo, krima malfortigado de slovakaj moraleco kaj kulturo malmulte kapabligas Slovakojn atingi materian bonstaton. Sed la materia bonstato ĉe Slovakoj estas malebligata ankaŭ direkte, per ĝeneralaj cirkonstancoj perlaboraj, per mortiganta sistemo imposta en Hungario. Laŭ la oficiala statistiko de magiara ministraro de agrikulturo la tutjara profito de terkultura laboristo estas meznombre en tuta Hungario 300 K (= 124.725 Sm). Slovakoj malmulte gajnas, sed ili devas pagi grandajn impostojn, ĉar la magiarigado postulas grandan kapitalon, kaj Slovakoj — kiel dolora estas tio! — devas ĝin pagi al la ŝtato celanta ilin ekstermi. En la lando estas malsato, mizero, malĝojo, malespero, miloj da personoj forlasas la landon, migras tra la mondo por ne morti pro malsato kaj por povi pagi ŝuldojn kaj impostojn kaj la ŝtato endevigas al ili fremdan lingvon kaj « magyar allam eszme », magiaran ideon regnan! Kaj tamen Slovakujo povus esti tre riĉa kaj agrabla loĝejo, ĉar ĝi havas fruktodonan teron kaj estas tre taŭga por industrio — ĉiun mizeron kaŭzas la nezorgo pri morala, kultura kaj sociala stato de la loĝantaro en tiu ĉi bela lando, la magiarigado. Sole sociala malsano elpelas Slovakojn en fremdujon, precipe en Amerikon (en lastaj jardekoj sole el Slovakoj elmigris pli ol kvarono da miliono da personoj en Amerikon!) »

## Rezulto por Magiaroj.

« ...La profito estas do malgranda, preskaŭ nenia, sed la malutila influo de tiu ĉi sistemo je perfortigantoj mem estas granda.

« ...Magiara senmoraleco estas fakto multefoje konstatita de senpartiaj homoj kaj pruvebla per sennombraj dokumentoj. Magiaraj ŝovinistoj perdis la senton por la

vero, rajto kaj justeco, ili perdis la senton por moraleco, inter ili ne ekzistas sentemo kaj hontemo... »

« ...Kultura stato de magiara nacio estas kompatinda. Laŭ la statistiko magiara mem (estas konate kiel oni parolas moke pri ĝi) preskaŭ duono de Magiaroj ne scias legi kaj skribi ; nemirinde en Hungario estas unu lernejo per 10.000 loĝantoj! Ke inter nemagiaraj Hungarianoj estas pli multe da personoj ne sciantaj legi kaj skribi (80 °/ₒ ĉe Rumenoj, 45 °/ₒ ĉe Slovakoj, 43 °/ₒ ĉe Germanoj) estas ankaŭ kulpo de Magiaroj, de la sistemo, kiu per libro, leĝo, vipo, kaj armilo endevigas al infanoj magiaran lingvon. Magiaraj sciencistoj kaj artistoj estas nemultaj ; la plej granda parto de « magiaraj » sciencistoj kaj artistoj estas magiarigitaj Germanoj aŭ Slavoj.

« Resume la tuta ĝisnuna registara sistemo en Hungario amasigas la krimojn unu al alia, senpopoligas kaj prirabas la landon, forigas ĉiun leĝan ŝirmon, kaŭzas senliman senmoraliĝon, senkulturecon, krimemon.

« Oni vidas, ke moralaj, kulturaj kaj ekonomiaj malutiloj ne sole de la subprematoj, sed ankaŭ de la subpremantoj estas grandaj. Kiu estas pli bedaŭrinda Magiaroj en sia blindeco aŭ nemagiaroj en sia suferado? »

## II

Nun kion konkludi el tiu raporto malĝoja? Kion fari por helpadi efike niajn fratojn Slovakojn? Ĉu ni povas, precipe ni katolikoj, stari kun brakoj krucumitaj kaj indiferenta rigardo antaŭ tiom da mizero kaj da maljusteco? Tion mi ne pensas.

De longa tempo mi revas unuiĝon, per lingvo internacia, de tiuj, kiuj estis tuŝitaj per la idealo nedifinita, iom nebula, de l' Esperantismo. Mi revas apogi tiun idealan deziron sur realeco ; difini por ĝi celon ne nur sentimentalan, sed tute precizan kaj reale atingeblan.

Gis nun mi ne kuraĝis komuniki al la publiko mian revon ; ĉar por multaj, bedaŭrinde, la idealo perdas sian belecon kaj allogecon, kiam oni proponas korpigi ĝin en

realeco. Mi do timis, ke tre malmultaj homoj, eĉ el la plej entuziasmaj por Esperantismo, konsentus *labori efektive* por *Universala Frateco*.

Eble, tamen, la kono de l' mizera sorto de la Slovaka popolo estas okazo por proponi unuiĝon por *Universala Frateco*.

Mi diros hodiaŭ mallonge la ĝeneralajn principojn per kiuj povas vivi tia unuiĝo

1-e Konsideri ĉiujn homojn kiel *verajn fratojn*; ĉu tial ke ili estas homoj kiel ni; ĉu tial ke ili havas saman Patron Dio; ĉu tial ke ili estas destinataj al sama eterna beateco per redempto de Jesu-Kristo;

2. Esti ĉiam preta fari servon al la membroj de U. F. laŭ sia povo;

3. Laboradi per libroj, broŝuroj, naciaj ĵurnaloj, speciala gazeto de U. F. por plibonigi la sorton de malfeliĉaj klasoj, de laboristoj, de subpremitaj popoloj; instrui la mondon pri la barbareco de iaj registaroj; alvenigi regnon de plia justeco kaj frateco en la mondo.

*Se troviĝos en la Esperantistaro almenaŭ* dek *homoj firmege decidataj dediĉi sian vivon al la aplikado de tiuj principoj, mi estas preta apogi per miaj tutaj fortoj la kreon kaj vivon de Universala Frateco.*

Mi enskribas min unua, kaj mi atendas fratojn...

EM. PELTIER.

## KELKAJ FLOROJ SOCIALAJ

*(Sekvo).*

La juna pastro ame postrigardis ilin. Li pensis al la horoj de la katekismo, dum kiuj li jam instruis en tiu kvar semajnoj; ili estis la plej belaj momentoj de sia mallonga laboro. Sesdek infanoj, knaboj kaj knabinoj, freŝaj infanoj el l'arbaro kaj el la kamparo, malriĉaj, sed sanaj je korpo kaj spirito.

Kiel ili aŭskultis lin, kiam li hieraŭ rakontis pri la « reviviĝo de l'karno », la 11-a artikolo de la Kredo. Bonuloj kaj malbonuloj, ĉiuj leviĝus. Sed alie la bonuloj, kaj alie la malbonuloj. La bonuloj similus je la gloregita korpo de Jesu-Kristo.

Kaj tiam li estis pentrinta la tutan gloron de la leviĝinta Redemptoro, kiel ni tion divenas kaj en fantazio kaj desegnoj esprimas, nesciante kiel ĝi estos. Ĉio, kion la Sankta Skribo rakontas al ni pri tio, ni povas ankaŭ esperi por ni mem, kiam la trompeto de la lasta juĝo nin vokos el la tombo kaj ni estos senkulpaj. Kaj tiam ni eniros kun nia Redemptoro en la loĝejo de la Ĉiela Patro, kaj nin ĝojos tie ĉiam, eterne, senfine, — ho, miaj infanoj, kiel belega ĝi estos ! Kiam li finis sian pentrecon, li ĝin mem bedaŭris, kaj kun iliaj senkulpaj koroj la infanoj estis respondintaj lin Ho, jes, sinjoronklo !

Longe la juna pastro staris ankoraŭ al la fenestro kaj meditis siajn pensojn. Paco, dolĉa Dipaco, kuŝis antau li kaj en li.

Vilaĝa vikario ! Mi ne estis pensinta, ke oni povus esti tie tiel feliĉa ! Tiel la dankeco al Dio fluis el sia buŝo.

## II. — Du jaroj pli malfrue.

Mi tute ne komprenas, sinjoro pastro, ke vi estas tiel mirita pri tio. La knabo estas de bona familio, li estis unu el miaj plej lertaj lernantoj. Sed pripensu iom, juna viro 19-jaro, la tutan semajnon en la fremdaĵo, inter ĉiuspecaj elementoj. 'Ce la laboro dum la tago iu parolas, kaj aliulo aŭdas. Oni rakontas tie al ili pri la altaj dividentoj de la porciistoj kaj pri la malgrandaj perlaboroj de la laboristoj, kaj oni plantas en la juna koro la senton de maldolĉeco. Kaj Religio kaj Eklezio ?

Jes, en la unua tempo montriĝas ankoraŭ la kontraŭeco, kiam la « ruĝa kamarado » mokas pri la Kredo ; sed baldaŭ oni aŭskultas tion. Tiam oni legas ankaŭ la ĵurnalon, kiun la « ruĝa kamarado » kunportas, kaj oni aŭskultas ankaŭ tion. Kaj fine, la social-demokrato estas farita. Li

ne multe scias pri la « Erfurter programo »; sed li vidas kaj scias el la homa societo ĉiun malbonaĵon vidas kaj scias *nur tio*, kaj la bonaĵon li neas. De sia Eklezio li nur scias, kion la social-demokrato klarigas kaj *malverigas*, la ceteron li estas forgesinta, precipe kiam li *volas* forgesi, ne praktike ekzercanta sian Religion. Juneco ne konas virton.

— Tiam devas esti sub la ruĝuloj « ankoraŭ aliuloj, kiuj ne estas pli bonaj ol li », opiniis la pastro.

— Tiuj estas ankaŭ. De kie venis do ĉe la lasta elekto tiuj 40 ruĝaj voĉoj? Nia pastro opiniis, ke ili venis de la fremduloj, sed tiel multajn fremdulojn ni ne havas ankoraŭ, kaj plie ili ne estas ĉiuj la samaj. Ne, tiuj 40 voĉoj estas la frukto de la laboro en la fabrikoj de G. Ĉiu lundo, niaj laboristoj iras tien, por reveni sabaton, Ili iras tie ĉi Dimanĉe ankoraŭ al la preĝejo, parte el kutimo, parte pro siaj familioj. Sed baldaŭ la tempo alvenos, kiam ili kuraĝos tion ne plu fari, kaj tiam, superakvigos ia ruĝa fluo nian vilaĝon.

La pastro rigardis silente antaŭ si. Kun malgajeco li konsideris la florbukedon, kiu (ĉar li festis la datrevenon de sia naskiĝo) staris sur tableto. Tio estis malplezura fino por sia festotago. Estis bona, ke la lastaj vizitantoj jam estis foririntaj, krom la instruisto, kiu parolis kun li pri la familio de la eta Agneso. Kia ĝojo ĝi estis por li, kiam la eta Agneso kun la florbukedo en la manoj en la nomo de l' tuta katekisma lernantaro staris antaŭ li kaj elparolis sian bondeziron.

Kaj ŝi estis la fratino de tiu juna viro. Knabo, kiu por malbonigo de la tuta paroko estis agenta de ia social-demokrata ĵurnalo, kaj senĉese klopodis por gajni novajn abonojn. Kiam la vilaĝanoj lin demandis, ĉu li ne plu kredis en Dio, li moke respondis « Unue oni devas scii, kio estas la Social-demokrateco. Religion ni havas tiel bone kiel vi, sed ne kiel la pastroj, kiuj nur amegas la monujon. Ni altiras al ni la sorton de la malriĉuloj, ni zorgas por bona kaj granda perlaboro, k.t.p. ».

Fratino de tiu ĉi knabo estas Agneso, lia plej bona lernantino. Tio ĉagrenis tre la junan pastron.

La instruisto kredis diveni la pensiradon de l' pastro. Sed li estis unu el tiuj homoj, kiuj, kiam ili scias ion, tre ĝojas en la plia kaj plia rakontado. Kaj li daŭris

— Kaj rilate la eta Agneso, tiel povus ankaŭ okazi kun ŝi.

Terurita la pastro rigardis la parolanton.

— Jes, daŭrigis tiu ĉi senkompate, la gepatroj estas feliĉaj, kiam la infanoj komencas ion gajni. Kiel vi scias senduke, ĉiu printempo alvenis tie ĉi agento, por varbi 20 aŭ 25 knabinoj por la grandaj landbienoj. La pago ne estas malbona por tiu ĉi regiono, sed ankaŭ nenio alia ol la pago estas aranĝita. En kia societo iros tiuj knabinoj, pri tio ne pensas la gepatroj. Kaj en la grandaj landbienoj oni ne faras multajn antaŭ-zorgojn. Servistoj kaj servistinoj manĝas amase, laboras amase, kaj trapasas amase la Dimanĉajn kaj festajn vesperojn. Kaj kio estas la konsekvenco, kiam la junularo estas senlima? Pensu nur al tiu malfeliĉulino en nia vilaĝo, kiu antaŭ kelkaj semajnoj fariĝis patrino, ne edzigita. Kiel koleris nia parokestro! Li diris : Estas hontego ke mia baptolibro fariĝas malpurigita per la nomo de iu eksteredzeca infano. Tiel okazas nur eksterordinare; sed la knabinoj kiuj revenas estas tute aliaj ol la knabinoj, kiuj restis sub la ŝirmo de la gepatra domo. Daŭras nur 3 jarojn, ke tiuj agentoj venas. Kion la estonto alportos?

— Sed mi ne volas esti profeto. Sed, laŭ mia opinia, oni devas tion antaŭzorgi. Niaj pastroj devas interrilati kun la pastroj de tie, kien la knabinoj vojaĝas. Oni povis eble diri al la land-posedantoj : « se vi ne volas gardi la knabinojn kontraŭ la danĝeroj, ni publike avertos kontraŭ viaj agentoj.

Oni povus enkonduki certajn kondiĉojn en la laborkontraktoj. Ankaŭ por niaj viroj, kiuj laboradas en G. oni devas ian bonaĵon fari. Kio? kal kiel? Jes, pri tio oni devos pripensadi. Sed kie estas volo estas ankaŭ vojo...

Ree la pastro rigardis la parolanton.

— Tio estus tute nova okupo por pastro, li interrompis la instruiston.

— Jes, tio sendube estus. Sed tiel okazas ĉie. Se alvenas novaj situacioj, oni devas fari novajn planojn. Sed mi nur parolas kaj parolas. Estas jam tagmezo kaj mia virino atendadas kun la manĝaĵo. Certe vi faros hodiaŭ vian ordinaran promenadon?

Tiam mi eble povos kuniri kun vi, post la lernej horoj; ni do daŭrigos nian konversacion.

Li foriris.

Je la tablo la apetito de la juna pastro ne volis aperi. La pensoj, vekitaj per la vortoj de l'instruisto, estis malaperigintaj sian tutan apetiton kaj festĝojon.

Estis pli malfrua ol ordinare, kiam li faris sian promenadon. Zorge li evitis la domon de l'instruisto, kiu alie ofte akompanis lin je la promenado. Hodiaŭ li preferis esti sola, nun li ne volis vidi lin. Ankaŭ la infanojn li ne volis vidi, kiuj ĉiam renkonten kuris al li, kiam li trairis la vilaĝon. Jes, la tutan vilaĝon li ne volis vidi. Li prenis tial la vojon al la proksima, de ĉiuspecaj kreskaĵoj kovrita monteto. Sed tie supre al la arbarrando, kie li tiel ofte staris por konsideri la vilaĝon, je siaj piedoj, li ankaŭ nun staris por ĵeti rigardon al la valo, parte el kutimo kaj parte, ve, ĉar la pastro sentas sin altirita al tio, kio estas lasita al siaj zorgoj.

Kaj tie li staris. Li rigardis kaj rigardadis. Estis la sama vilaĝo, kiun siaj okuloj estis admirintaj kun grandega kareco, antaŭ du jaroj, kiam li ricevis al la fenestro la pruvojn de l'amo de la lernej-junularo; sed hodiaŭ ĝi ŝajnis tiel stranga al li!

Sed kiamaniere estis ebla, ke la vortoj de l'instruisto estis kaŭzintaj tiel gravan ŝanĝon en li!

Ve! Ili nur estis la lasta ĉenero en la ĉeno de gravegaj pensoj kiuj estis okupintaj lin dum la du jaroj de sia pastra laborado. Jes, sed tiu ĉi lasta ĉenero estis la plej doloroza!

— *Assueta vilescunt*, la regento de la seminario kuti-

mis diri al li, kiam li avertis lin kontraŭ la sen-atenteco en la ekzerco de lia sanktega ofico.

La agrablega, ideala sentado de la unua tempo tiel facile subiras en la ĉiutaga vivo. Tre ofte tiam nur la scio de la devo nin povos starigi.

'Cirkaŭ tiamaniere, la griza, sperta viro estis parolinta.

La juna pastro apenaŭ ĝin povis kredi al l'altaro, en la lernejo, ĉe la malsanlito. Sed malgraŭ tio, la malebla penso igis ankaŭ ĉe li ebla. Certe, la preĝo kaj la medito estis fortiginta lin, li ne ekzercis sian sanktan oficon laŭ kutime. La devscio restis en li. Krom tio, io MANKIS al li. Kion li faris, ĝi ŝajnis al li kvazaŭ plenumo de amata tasko. Ho jes, la agrablega sento ke li laboradis en la servo de Dio, estis la rekompenco por sia fidela devplenumo; sed la penso, ke io MANKIS al li, ne forlasis lin. Kiel studento li iam vizitis la laborejon de artisto. Ho! kia vivo kaj penso estis ĉe tiu ĉi laboro. Kion l'artisto estis trovinta en sia animo, li klopodis realigi en videbla formo. Tre ofte tiu ĉi memoro aperis en sia kapo. Tiel li estis pensinta ankaŭ la oficon de la sankta arto animojn formi laŭ la ekzemplo de Dio. 'Ciam kaj senĉese pensi kiel oni povus disvastigi pli kaj pli la Dian regnon!

— *Instrumentum gratiæ* devas esti la pastro, estis dirita en la seminario.

Sed tial la pastro restas ankaŭ *pensanta* homo. Ankaŭ l'Eklezio deziras evoluon kaj scion de li, por ke li ne nur mekanike ripetu, kion aliuloj estis farintaj antau li. Tio, kion la tempo kun siaj ideoj faras, bonecon aŭ malbonecon, en la animoj de la fideluloj, devas iĝi pligrandigita aŭ antaŭzorgita.

Novajn rimedojn oni devas pripensi, por sufiĉi al la novaj bezonoj. Tiaj estis la pensoj, kiuj priokupis lin dum la lasta jaro de sia laboro. Ili estis alvenintaj kaj foririntaj. Tre ofte li forĵetis ilin je kaprico. Li opiniis, ke ili estis nenio alia ol la bezono interŝanĝi kun aliuloj pensojn, la bezono al amika interrilato, kion li tiel malmulte trovis ĉe la muljuna pastro. Li vizitis tial plie ol antaŭe sian

estintan studadamikon, la kuraciston. Sed ilia amikeco estis iom ŝanĝita. Tiu ĉi havis sian familion kaj li, la pastro, nu, la *elegi vos de mundo* (mi elektis vin el la mondo) estis ankaŭ tie ĉi en praktiko.

Tiam li ree serĉis siajn librojn. La horoj, kiujn li dediĉis al tio, ankoraŭ ĉiam formis sian plej grandan ĝojon. La silenta pastrejo akiris tiam enhavon kaj vivon. La vilaĝparolaĵo, kiu ankaŭ penetris ĝis liaj oreloj, ne povis trovi ĉe li restan lokon, ĝi forflugis pro la seriozeco de l'arto kaj scienco.

Sed iam li legis en romano ion pri — si mem. Tie li legis de ia juna pastro, kiu, laŭ avizo de ia pliaĝa pastro, dediĉi sin al la studo por bone uzi la liberan tempon. mirigita, demandis *Cui bono ?* (por kio utilas ?)

Nu, ĉu ne okazis la samo ĉe li? *Cui bono ?* Nur por si mem : *Eligi vos de mundo, ut eatis et fructum afferatis !* (Mi elektis vin el la mondo, por ke vi eliru kaj por aliuloj doni frukton !) oni legas en Johano. Li restis ne kontentigita. Tiam li plendis : Estas la malbeno de l' soleco, maldolĉa provo, kiun Dio sendas al mi.

Mi pacience portos malmultajn jarojn, kaj tiam mi havos alian laborlokon, kaj en tio mi trovas tion, kio nun mankas al mi. Tiamaniere li fine trovis pacon kun si mem.

Kaj nun venis l'instruisto kaj li diris « La pastro devas altiri al si la sorton de tiuj homoj. » L'ekzemplo de l'artisto ree aperis en sia kapo, de l'artisto kiu serĉis kaj trovis novajn formojn, kaj tial kreis ian belegaĵon.

Novaj formoj por la vivo tie malsupre en la vilaĝo. Siajn animojn li devis aliformigi je belegaj ekzemploj Diaj.

Ankoraŭ li staris tie sur l'alteco, kaj vidis la vilaĝon, kaj ree ĝin ne vidis. Sed pli kaj pli klaraj iĝis la domoj, kaj denove ili ŝajnis al li karaj kaj amindaj ; ĉu estus la lastaj briloj de la foriranta suno, kiuj koloris pli bele la ruĝajn kaj nigrajn tegmentojn, aŭ ĉu estus la sento de klareco, kiu eniris la koron de la juna pastro, la sento esti trovinta novajn vojojn ?

Malpezigita li daŭrigis sian promenadon. Longe li estis starinta tie supre, kaj li volis esti hejme antaŭ la mallumo, do li devis malsupreniri la monteton, la vojon. Tie malsupre li vidis la infanojn ĉe la ŝafoj, kiujn ili gardis. Antaŭ kelkaj horoj li ne amis vidi ilin; sed nun li sin turnis al ili.

La unua knabo, kiun li vidis, skribis ankoraŭ en la vesperkrepusko sur sia ardezo. Li ne pli frue vidis la pastron ol kiam tiu ĉi staris rekte antaŭ li.

— Kion vi skribas tiel fervore? demandis li la knabon kaj samtempe rigardis sur l'ardezo.

« Senlaboreco estas l'orelkuseno de la diablo », staris tie jam dek fojoj skribita.

— Pun-laboro? Kion vi faris?

La knabo silentis kaj ekploris.

— Nu, parolu, sendube ĝi ne estis krimo, kuraĝigis lin la pastro.

— Ni plenumis per pajletoj ranojn je aero, fine li konfesis, balbutante.

— Cu mi tion instruis al vi en la katekismo? Sonis malafable la respondo.

Senvole la juna pastro parolis tiel, kaj turnis la dorson al la kulpulo. Sed post tiu ĉi rapida diro baldaŭ sekvis la bedaŭro. Nekulpa tiu ĉi knabo ne estis, sed ĉu ne staris sur tiu ardezo la senkulpigo por sia faraĵo? « Senlaboreco estas l'orelkuseno de la diablo? » Cu iam iu okupis sin pri tiuj paŝtistoj infanoj? Cu oni instruis ilin, utile trapasi la horojn apud la bovinoj kaj ŝafoj? 'Cu oni konigis al ili la benon de la bona literaturo? Oni ilin lasis al si mem. Kaj kiam li nun pensis al la solaj, senspiritaj paŝthoroj de l'infanoj, tiam ankaŭ aperis por li subite la *nenionfari* de la tuta vilaĝo dum la Dimanĉoj. Kion ja faris la junaj laboristoj, la servistoj kaj servistinoj dum la longaj Dimanĉ-vesperoj? En la plej bona okazo ili tiam vivadis en sensprita malsaĝeco. Cu oni ne povis prezenti al ili pli belan, pli noblan amuzon? Per paroladoj vekigi ilian spiriton, aŭ almenaŭ ion fari por gardi ilian sen

vivan spiriton kontraŭ la seneco aŭ aliaj malbonaĵoj?

Silenta malgajeco plenumis l'animon de la promenanto. Tio ĉio oni estis povinta fari, sed ĝi ne estis okazita. Sed kiamaniere komenci tiun taskon? Cu ĝi ne prezentus ĉiujspecajn malfacilaĵojn? Cu lia vivo nun ne estis pli trankvila kaj ne malhelpita? La ripozo estas la fundamento de la saneco, laste diris al li ia kolego ŝerce. Kaj ankaŭ lia amiko, la kuracisto, jam konstatis ke li pli kaj pli perdis siajn « gotikajn angulojn » kaj alprenis la « romanajn rondformojn. »

Sed for kun tiuj kapricoj! L'afero havas pli seriozajn flankojn. Cu tiu ripozo estis konvena al la pastra ofico? Kaj ĉu li fine ne serĉis sin mem, kiam li sin okupis pri la farado de la homoj, ekster la kutima ĉiutaga zorgado de l'animoj? — Kaj malgraŭ ĉio, l'ekzemplo de la « Bona paŝtisto »... Sed al ĉiu homo estas donata la *gratia sufficiens*..... Se la pastro nur faras sian devon, en la preĝejo kaj la katekismo.....

Kaj tiam restis ankaŭ garditaj la ripozo kaj digneco de la pastro! Sed ĝuste tiu ripozo pezis sur li. Sed, malgraŭ tio, ĉu tiu ripozo ne havis multe de kareco kaj idilio? Tie kuŝis la pastrejo, ekzemplo de landa paco. La fenestrovitroj brilegis en la lumo de la subiranta suno.

Kun ia stranga sento li eniris la pastrejon.

« Alvenis donaco de Via patrino », renkonten vokis lin la mastrumistino.

O jes, la patrino nenion ankoraŭ sendis por lia feŝtotago. Tui bona patrino!

Li malfermis la sufiĉe grandan keston. Letero kuŝas supre.

Letero, kiel povas skribi nur patrino. Ciujn koregajn bon-kaj ben-dezirojn kaj al la fino « Mi ne sciis, kion mi donus al vi. Subite mi pensis ke supre de via lito pendas nur malgranda kruco. Mi tial sendas al vi grandegan kaj belan krucon. *La kruco devas okupi en la domo de la pastro la unuan lokon* ».

Li ĝin prenis el la kesto kaj iris kun ĝi al la fenestro,

por pli bone, rigardi ĝin en la krepusko. Vere, belega donaco. Sur la nigra ligno la blanka korpo.

Longe li tenis ĝin en la manoj. « *En la domo de la pastro la kruco devas okupi la unuan lokon* ». Lu luno, kiu ĝuste leviĝis super l'arbaro, ĵetis sian unuan brilon sur la pala vizaĝo de la Liberiginto. « *Sacerdos* » kaj « *Crucifixus* », ili staris unu kontraŭ l'alia.

El la malproksimeco sonis la kanto de ia knabina voĉo. Tio estis Agnes, neniu alia kantis tiel plensone.

« Kie trovas l'animo sian loĝejon, sian rifuĝejon ? » Kiel en revo li ĝin aŭdis, kaj la laboro en la malproksimeco kun la danĝeroj de la malvirgigo aperis antaŭ siaj okuloj.

« *Ut eatis et fructum afferatis !* » Vi zorgos pri tio ! Sonis en sia koro kiel admono por si mem.

« Kiu ĝin dolĉe kovras per zorgantaj flugiloj ? » ree la voĉo sonis.

« *Et fructus vester maneat* (ke via frukto restu) ». Kion vi konstruis en la junaj koroj, ne malsupreniros ! respondis la interna voĉo.

« *Eatis ! Sacerdos es tu, id est, alter Christus !* » (Leviĝu ! Vi estas pastro, tio estas, alia Kristo !) Tio estis l'admono de la regento en la semenario. Ne, ne mi mem mi volas serĉi, ne mian ripozon ; nur Vian regecon mi volas defendi kaj disvastigi, nur al tio mi volas pensi. Nova kaj pezega tasko prezentiĝas al mi, sed mi nur serĉas Vin !

*Sacerdos* kaj *Crucifixus*, ili staris unu kontraŭ l'alia kaj komprenis sin reciproke.

« Tie l'animo trovas sian loĝejon, sian rifuĝejon ! » Sonis la kanto en la malproksimo.....

## III. — Al la laboro.

— Kiel laca mi estas. Hodiaŭ ni estas promenintaj tro longe. Sed tiu promenado en la freŝa maja aero faris bonon al mi kaj ankaŭ al la knaboj. Ĝis la tempo de la kunveno, mi havas ankoraŭ tutan horon ; do mi povas en plena trankvileco etendi la krurojn kaj legi la ĵurnalon. Sed

hodiaŭ la ĵurnalo ŝajnis enhavi malmultajn interesaĵojn. La pensoj de la juna pastro ĉiam dekliniĝis, ĉiam reiris al la promenado, de kio li ĝuste revenis en sia fidela studad-ĉambro.

— Kion tiu knabo ja jam demandas! Ili estis apenaŭ 16 ĝis 20 jaraj kaj parolas kvazaŭ ili faris la plej profundajn natur-sciencajn studadojn! Sed ĝi estis la sekvo de la parolado de la « ruĝa » doktoro, kiu diris al la laboristoj ke la scienco certigas, ke post la malvarmigo de la tero, la vivo el si mem naskiĝis, per formo de ia urĉelo sur la fundo de la maro; el tiu urĉelo naskiĝis la plantoj, el tiuj la aliaj vivaj estaĵoj, la bestoj, kaj fine el la bestoj la homo. Ĉar oni ne ankoraŭ konis la siencan ekzamenon, oni estis kredinta ĝis nun, ke ia Dio estis kreinta la mondon kaj la homojn.

Tion ĉion la « ruĝa » doktoro rakontis al la laboristoj, kaj nun tiuj ĉi parolis ĉiuj pri urĉeloj, scienco, evolucio, k. t. p.! Estis granda feliĉo, ke la knabo demandis min, kion li devis respondi sur tio. Kaj ankaŭ estis feliĉo, ke mi tre bone sciis tiun ĉi parton de l'apologio. Alte sur la montetoj instrui la junularon, ke la vivo nur povas veni de ia Kreinto, kaj tiam legi la ĝojigan komprenon sur la junaj vizaĝoj, plezurigas kaj altigas kaj faras karega al mi la interparolo kun la knaboj. — Eniru!

Estis frapita, kaj mirigita la pastro rigardis, kiam ia sinjoro eniris, pri kiu oni tuj povis vidi, ke li ne estis el la vilaĝo.

— Via Mosto, ĉu vi volas permesi al mi kelkajn minutojn por mallonga peto?

— Certe, sinjoro, kion vi deziras? demandis la juna pastro en atendego. Sed tiu ĉi atendego ŝanĝis en mirego, indignego kaj fine en fortega furiozo, kiu jam volis koniĝi per la plej klaraj vortoj. Sed, halto! Trankvileco superas furiozon kaj havas ankaŭ la plej bonan sekvon.

— Vi opinias do, respondis la pastro, devigata al afabla rideto, ke la pastroj ne havas rajton, por miksi sin en tiuj aferoj. Tial vi opiniis ankaŭ ke mi iris ekster la

limojn de mia ofico, instigante la knabinoj ne subskribi la laborkontraktojn, pri kiuj vi parolis.

— Certe, tion mi opinias.

— Ĉu do vi pensas, ke estas malsaĝa postuli apartajn dormoĉambrojn por la knabinoj, kiuj ĉiuprintempo iras al la grandaj landbienoj? Aŭ ĉu vi eble pensas, ke ĉio estus en bona ordo, kiam oni asignas por dormejo al la knabinoj l'unuan parton de la subtegmento, kaj l'alian parton al la viroj?

— Se tio okazis kelkfoje, pro la neceseco, tiam oni ne devas rigardi tion tiel malĝoje.

— Kiel granda tiu neceseco estas, mi ne povas juĝi. Kaj pri mia « malĝoja » kompreno, mi havas alian opinion. Eble ni diferencas ankaŭ en nia juĝo pri kelkaj aliaj kondiĉoj de la kontrakto; sed la donado de sufiĉe longa libertempo por ĉeesti je Dimanĉoj kaj festotagoj la Sanktan Meson, la rajto *tuj* forlasi la servon, kiam iu atakas aŭ intencas ataki la moralecon, tio estas laŭ mi rajtoj, kiuj parolas de si mem. Eble *vi* ne pensas tiel pri tio, sed mi ne *povas* alie. Vi do devos bontrovi, ke ni agadas, kiel ni opinias bona kaj justa.

— Sinjor' pastro, sonis l'akra respondo, la laborkontraktoj estas farataj inter la landposedantoj, t. e. iliaj agentoj, kaj la knabinoj, *sed ne kun vi.*

— Certe, tio estas vera, sed mi instigas la knabinoj, ne alpreni alian kontrakton.

— Vi ne havas rajton por tio. Via kampo estas tio de l'zorgado de l'animoj. En la predikejo kaj en la katekismo vi povas admoni je la plenumado de la religio ... sed pli granda via kampo ne estas.

— Pri tiuj punktoj, niaj opinioj malfacilege interkonsentos, kaj tial mi volus peti vin ĉesi nian interparolon, ĉar ĝi estas tute senutila, — estis la trankvila sed malafabla respondo de la sin forte entenanta pastro.

— Bone, bone, mi scias la vojon al viaj religiaj estroj, diris l'agento; kaj li foriris kaj furioze fermis la pordon.

— Nun daŭrigu ni la legon de la ĵurnalo, diris la juna

pastro al si mem. Li havis la kutimon, post vivegaj momentoj, dediĉi siajn pensojn al aliaj subjektoj. — Je ĉio oni devas dormi, nokte, kutime li ŝerce diris, « tiam la plej malbona estas pasinta kaj oni ne faras malsaĝaĵojn ».

Sed ankaŭ nun li ne trovis multajn novaĵojn en la ampleksa dimanĉ-numero de sia ĵurnalo, ĉar tiel facile pensoj ne lasas nin. Li estis do tre kontenta, ke pli kaj pli la horo de la kunveno proksimiĝis.

Post interkonsento kun la pastro, li estis doninta la vivon al unuiĝo, al kiu preskaŭ ĉiuj viroj de la vilaĝo aliĝis. Li estis konvinkinta la pastron ke, kontraŭ l'agado de la Social-demokratoj estis necesega havi tie ĉi kaj tie paroladojn pri la socialisma malkredo, paroladojn, kiujn oni ne bone povas doni en la preĝejo. Eble per tiu maniero li povus ankaŭ ion fari kontraŭ l'alkohol-uzego. Ĉar ili havis nenion por distro, la laboristoj kaj servistoj serĉis, dum la dimanĉaj tagmezoj, amuzon en la drinko kaj la drinkejo; kaj nun li esperis, per la donado de paroladoj, malrapide gajni ilin pro pli nobla amuzo. « Se vi ion atingos, ĝi faros plezuron al mi », estis dirinta la parokestro. Sed per la fondo de tiu ĉi unuiĝo la juna pastro celis ankaŭ al aliaj aferoj. L'unuiĝo devis prezenti al li l'eblecon ekzekuti ĉion, kion li pensis necesega por la plibonigo de la korpa, spirita kaj morala situacio de la popolo. Ekzemple, mallonge post la fondo de l'unuiĝo li estis doninta kelkajn paroladojn pri la laborkontraktoj, kaj komitato lasis lin verki modelon de laborkontrakto por servistinoj.

Depost tiam la knabinoj de la vilaĝo ne subkribis alian kontrakton ol tio, — je granda furioziĝo de la varb-agentoj. Kelkajn semajnojn poste scienculon li lasis paroli pri kasoj por terkultur-istoj. Oni konigis al la vilaĝanoj, el kiuj konsistis la plej granda parto de la vilaĝo, escepte la laboristoj, la profitojn de tiaj kasoj ; kaj post tri monatoj ili estis preskaŭ ĉiuj anoj de la « Raiffeisen » kaso. Tre larĝa estis la celo de l'unuiĝo, starigita en la statutoj

« Unuiĝo por la starigo de bonaj paroladoj kaj por reciproka instruado. » Pro tio la anoj pagis malgrandan kontribucion, kolektita ĉiumonate de unu el la anoj.

Ankaŭ hodiaŭ vespere estis kunveno. La ĉambrego estis okupita ĝis en ĉiuj anguloj. Viroj kaj virinoj, ankaŭ la granda junularo, kiu ne plu iris lernejon, ĉe estis. Instruisto parolis pri la elekto de profesio de l'infanoj. Dum l'aŭtuno la gelernantoj forlasus la lernejon kaj jam nune oni donis utilajn informojn al la gepatroj, por edukigi iliajn infanojn en ĝusta profesio, kaj pro tio doni al ili sufiĉan bonan fak-instruon.

L'alian parton de la vespero oni okupis per kantoj kaj deklamacioj. Estis junaj knaboj kaj knabinoj, kiuj prezentis tiujn deklamaciojn, kaj ĝi estis rimarkindega, kiel ĉiuj penis por fari ĝin kiel eble plej bone.

Post tre bone kantita kaj tial ankaŭ laŭte aplaŭdita kanto pri « la forteco de la faraĵo », la pastro opiniis ke alvenis la ĝusta momento por diri admonan fin-vorton. Li klarigis, ke precipe en la nuna tempo, sur la katolikaj kuŝis la devo de « bona agado ». Kaj reciproke ni instigos nin por l'ekzekuto de faraĵoj; laŭte kaj vire, en fabrikoj kaj laborejoj, ni konfesos nian Sanktan Kredon, ĉiam ni estos pretaj por la defendo de la moraleco kaj la ĉasteco; ne malpli ni gardos la junularon, en la batalo por la ĉiutaga pano; ni reciproke helpos nin, por ke zorgo kaj manko malproksimega restu ! »

« Ho Dio, mi dankas Vin por tiu ĉi tago, benu kaj fortigu min ankaŭ por l'estonto », li aldonis tiu-vespere al sia vesperpreĝo.

* * *

Estis kelkaj semajnoj poste. La Junia suno alportis belan matenon. La juna pastro staris antaŭ la malfermita fenestro kaj lasis flui en la ĉambron la freŝiganta aero. Ĵus li estis farinta la Sanktan Meson por junaj gefianĉoj, kaj beninta ilian edzecon. La fianĉo estis la frato de Agneso.

« Dankon al Dio, ke li denove iĝis ordema viro. Mult-

ajn malfacilaĵojn li kaŭzis al mi. Sed fine la bona spirito venkis kaj nun li havas bonegan virinon..... »

La leterportisto, kiu ĵus alvenis de ia flankvojo, interrompis la pensiradon de la pastro. Ŝajnis ke li komprenis sian gravan taskon, ĉar tre videble li portis bluan leteron en la mano.

— Jen, sinjor pastro, tio ĉi estas por Vi!

Estis letero de l'Episkopo.

Karega Amiko!

Tiu ĉi letero estas nur mallonga komuniko por trankviligi Vin, se okaze vi estos aŭdinta ke S-o N. skribis pri Vi. Tiu ĉi sinjoro, nome, sendis ĉe l'Episkopo kulpigojn kontraŭ Vi, pri via intermikso pri la formo de laborkontraktoj por knabinoj, kiuj forlasas la gepatran domon por labori. Mi skribis al li, ke Monsinjoro en liaj kulpigoj nenion trovis por riproĉi Vin. Dume mi ricevis pliajn informojn pri Via agado, kaj mi povas sciigi Vin mian plenan kontentecon kaj konsenton.

Ĉe okazo Vi povos buŝe plie rakonti al mi pri tio.

Kun kara saluto

Via malnova reganto

X.

Vikario ĝenerala.

Tio ja estis tute la stilo de la bona reganto, kiu de kelkaj jaroj estis vikario ĝenerala. Spirite li vidis la bonan viron antaŭ si, kaj li ĝojis pri lia konsento kaj bontrovo. Oni faras sian devon el dev-sento, jes; sed ĉu tia ŝato el la buŝo de altrangulo samtempe ne estas instigo?

Tiom pli li ĝojis pri tiu skribaĵo, ĉar al la seminaristoj oni preskaŭ nenion diris pri la intermikso de la pastro en la vivcirkonstancoj de la fideluloj, ekster la preĝejo. Kaj tre ofte li estis sentinta tiun mankon, kiam li preparis la kunvenojn de la paroka unuiĝo. La vilaĝanoj, kaj baldaŭ ankaŭ la laboristoj deziris ne ordinarajn paroladojn pri demandoj de sia situacio. La plenumado de tiuj deziroj kostis al li plurajn leterojn, bonan konsilon petantaj, al bona amiko kaj multajn longajn horojn de studado.

En ĉiuj okazoj, tiel li ne estis imaginta la vivon de

pastro, kiam li ankoraŭ estis seminaristo. Kaj ne, ankaŭ, antaŭ 3 jaroj, kiam li ricevis al la fenestro tiun aron de infanoj — ho jes, kiel belega tio estis estinta, kaj ankaŭ nun l'amo de l'infanoj, tiuj freŝaj floroj de Dio, estis io, kio tre ofte freŝigis kaj feliĉigis lin. Sed la *sacerdos es tu, id est alter Christus* (Vi estas pastro, tio estas, alia Kristo) oftege estis memoriginta lin, ke la pastro, kiel sia Dia Ekzemplo, devas serĉi « tion kio estis perdita ». Ne la dolĉeco de la silenta pripensado, ne la pia ĝojo de la anim-zorgado pri tiuj, kiuj promenadas sur la vojo de sanktigo kaj apenaŭ bezonas helpon kaj gardon, formas la vivon de pastro. Ne : maldormi kaj preĝi, preĝi kaj labori, pripensi kaj serĉi, kiamaniere rekonduki l'animojn, al li konfiditojn, el erarvojoj, kiamaniere gardi ilin kontraŭ eraroj, kaj kiamaniere igi ilin ĉiam pli kaj pli perfektaj kaj belegaj, por proksimiĝi al l'Ekzemplo de nobleco kaj vereco.

*Veritati!* Tiom da fojoj li, estanta ankoraŭ juna studento, estis vidinta tiun vorton skribita en oraj literoj, lumigita per la briloj de la suno, super la pordo de la seminario ; kaj kun varma entuziasmo li tiam ofte estis dirinta En Via servo mi volas meti min, en la servo de la vereco kaj boneco. Tio nun reaperis en sia spirito. Nun la suno igis brilegi la kokon de la preĝejturo. Kaj kiam lia rigardo iris al la preĝejturo, liaj pensoj reiris al tio, kion li faris, tiun matenon al l'altaro : la beno de la junaj geedzoj, de la frato de Agneso. Kaj tie..... Jes, tie ŝi venas mem, kaj iom malantaŭ ŝi, sia frato, la juna edzo.

« Bonan Matenon, Sinjor Onklo, la salutojn de mia fratino, kaj ŝi demandas, ĉu vi jam nune ne povas doni al ŝia malgranda knabo novan rakontlibron. Hodiaŭ li ne povas veni kun la aliaj por ŝanĝi librojn. Sed mia fratino tre deziras, ke li havu ion por legi dum la gardado de bestaro, ĉar alie la malgrandulo faros ĉiuspecajn malsaĝaĵojn ».

La pastro prenis la libron.

« Kaj nun, sinjor onklo, daŭrigis la knabino, dum sia ion malrapide promenanta frato ankaŭ estis alveninta al

la fenestro, « mia frato volis ion demandi de Vi ». Ŝi rigardis la junan viron, kiu ne tiel rapide estis kuniginta siajn vortojn. « Ho, kiel longe ĝi daŭras, antaŭ li komencas, diris ŝi. Hodiaŭ matene ni renkontis la leterportiston kaj ni vidis, ke li havis en la mano grandan bluan koverton kun sigelo. Antaŭ kelkaj semajnoj agento venis tie ĉi kaj en la drinkejo li fanfaronis, ke li estis dirinta al Vi la veron kaj ke li ankaŭ skribus al l'Episkopo.'

« Jes, jes, Sinjor pastro, nun interrompis la frato, sed tiam ni volas kun aliaj viroj ankaŭ iri al l'Episkopo kaj al li diri, kiel friponuloj ili estas, tiuj, kiuj volas kulpigi Vin. Nia Agneso laboris l'antaŭan jaron tie sur la landbienoj, kaj ŝi diris al ni, kion ofte okazis tie. »

La pastro ridis. « Ne estas plu necesa », diris li. L'Episkopo scias ĉion kion mi faris; tion mi ja povas diri al vi.

— Ho, tiam ĝi estas bona. Vidu Vi, Reverendo, mi opinias, ke mi ŝuldas ion al vi. Tre ofte mi insultis la pastraron, kaj mi diris, ke ili faris nenion por la popolo.

La pastro faris nean novon.

— Mi scias, daŭrigis la juna viro, ke Vi ne volas dankon, sed sendube vi permesos min, doni je dankoĉo al vi mian manon. Hodiaŭ mi estas edzigita, kaj tiu ĉi manpreno samtempe estos por Vi kvazaŭ promeso, ke mi nun kiel famili-estro volas ripari, kion mi frue malbonfaris. »

La juna viro tenis la manon de la pastro en sia malmola mano. Paroli iĝis malfacila por li, kaj el siaj okuloj fluis multaj larmoj. Agneso rigardis sian fraton kaj la pastron. « Nun ĝi estas bona, frato mia, ŝi diris », kaj mi, sinjor onklo, ŝi daŭrigis ride, kiam mi edziĝos, mi volas havi iun, kiu ĉion faras, kion vi tiel ofte diris en la kunvenoj.

Ride ili foriris.

*Eatis, ut fructum afferatis et fructus vester maneat* (eliru por rikolti restantajn fruktojn) — ĝi estis, kvazaŭ la krucifikso, pendanta al la muro, ĵetis radiojn da beno sur la juna pastro, kaj sian koron plenumis per la dolĉa paco, kiun nur donas la dev-plenumado.

Tradukis HOLANDANO.

## PROMENADO TRA GAZETOJ

*The Month* junio, 1908. — Tre grava artikolo estas la unua. *Pri indulgencoj*, de P.-o Sydney Smith. Tiu ĉi estas tre longa kaj interesa kaj forigas multajn dubojn kaj malkomprenojn rilate al la vera signifo de « Indulgencoj ». Kelkaj ne katolikoj jam asertis ke ili konsistas el permesoj fari kelkajn pekojn, kondiĉe ke oni pagas certan sumeton da mono por ĝi !

Li diras « Tio estas monstria mensogo kaj tro terura abomenaĵo por esti tolerata de iu kun sana spirito ». Nu ! Kio estas Indulgenco ? Jen unu klarigo ! — « Indulgenco estas forigo de la tuto aŭ parto de la temporala puno meritita de realaj pekoj, de kiuj la kulpo estas jam forigita per la Sakramento de Pento. Ĝi estas donata, ekster, la Sakramento de Pento, de la Papo aŭ Episkopo, kaj konsistas (entekste) el aplikado de la meritoj de Kristo kaj Sanktuloj. Tiu ĉi ja ne estas difinaĵo elĉerpita el aŭtoritata deklaro de la Eklezio, sed tute sentimo de kontraŭdiro mi certigas ke ĝi esprimas la ĝeneralan konsenton de ĉiuj pastroj kaj teologiistoj en la Eklezio; krome, por ĉiu indulgenco iu dekreto de la Sankta (See) Patro povas esti citata.

« *Giordano Bruno* », de la Redaktoro.

Ŝajnas ke multaj ankoraŭ laŭdas lin kiel veran martiron de la Papa ne-toleremeco dum la malfeliĉa « Inkvizicio » kaj al tio sola ŝuldas li sian famon, ĉar, kvankam oni konstatads ke li estis nobla filozofiisto kaj scienculo, la traserĉo tra lia verkaro tute ne donas sufiĉan kaŭzon por tia laŭdado. En sia 15-a jaro li eniris en la Dominikan Ordenon ĉe Napolis, sed kiel poste pruviĝis, kun granda manko de la vera religia spirito. Antaŭ ol li atingis 18 jarojn li dubis aŭ malkredis multon el la Kristana Kredo. Do, spite oftaj ĉagrenoj pri lia konduto, li daŭrigis ĝis la 24-a jaro kiam li fariĝis Pastro. Tamen post 4 jaroj por eviti specialan enketon pri lia herezema konduto, li forlasis ambaŭ la monaĥejon kaj ordenon. De

tiam (1576) ĝis lia morto li vivadis vagadante preskaŭ ĉien en sia lando, vere ŝajnanta nekapabla trovi daŭran loĝejon ĉe. Ofte oni demandas Kio estis Bruno? Ĉu Ateisto? Diisto? Fenomenisto? Materialisto? aŭ Idealisto? Parolante precize, li estis neniu el ili, kaj samtempe ĉiuj el ili. Tio estas diri ke li postulis ĉiujn sistemojn kune, sed neniam povis determini kiun li pleje favoris aŭ kiun la malpleje. Ŝajnas tre taŭge fini tiun ĉi per la vortoj de Sro G.-H. Lewes esprimantaj la saman opinion kiel nian antaŭan. Jen Brunon, same kiel multajn aliajn homojn oni pli bone rememoras pro lia morto ol por io kion li faris dum sia vivo. La flamoj kiuj konsumis lian korpon konservadis kiel balzamo lian nomon.

*Bezonate. Legebla Biblio* (P-o Joseph Keatings).

En tiu ĉi — 2-a artikolo — P-o Keatings pledadas por legebla, arte presita, tre facile komprenebla Biblio. Estas ja fakto ke laŭ la nuna stilo de Biblio presado, tiu grava librego estas la plej malbone presita gravega verkaro en la mondo. Li postulas kaj bonege klarigas ke oni devos presigi ĝin laŭ la stilo de interesa moderna verko, tradukante ĝin en bonstilan prozon kaj poezion laŭ necesaj bezonoj! Por montri la malbonan kaj malklarigan influon de la ĉapitro-versara stilo, li donas kelkajn ekzemplojn de « Reĝo Johano » france tradukitaj de Newman, Bacon, etc. Vere difektigo de flua stilo. Poste li donas kelkajn partojn et Biblio verkitajn en poemoj. Kioma ŝanĝo. Ili ja plibeliĝis. Multaj aliaj ekz-oj troviĝas en la artikolo kaj ni nur povas esperi ke iu firmo (aŭ kiel li konsilas) unuiĝo de firmoj havos la kuraĝon plenumi tian gravan taskon.

*La Nomo de la Rozario.* — Tre bela kaj interesega estas la 2-a artikolo de P-o Hubert Shurston pri. En tre longa rakonto li priskriba, la diversajn legendojn rilate al la deveno de tiu bela kaj pia preĝaro. En preskaŭ ĉiuj la rozo ŝajnas doni sian nomon al ĝi, sed laŭ diversaj manieroj kaj ĉiam per la formo de rozgarlandoj. La ĝene-

rala koncepto estas ke ĝi estis donita de Nia Sinjorino al St-Dominic, sed tiuj ĉi rankontoj penas pruvi alie. La plej ofte citita estas tiu pri juna Germano en Cologne. (aŭ la sama rakonto aliloke).

Tiu ĉi junulo kutime kolektis florojn kiam eble rozojn, por meti sur la statuon de Nia Sinjorino ĉiun tagon laŭ sia eblo. Post kiam li eniris en monakejon, li trovis ke ne estis permesata kolekti florojn por tiu celo, do, li tre maltrankviliĝis kaj preskaŭ decidis forlasi la monakejon por ke li povu rekolekti siajn amatajn florojn. Sed unu tagon, maljuna monako trovis lin plorantan kaj lerninte la kaŭzon li konsilis al li diri ĉiutage 50 Ave Maria'ojn (Anĝel ajn Salutojn) kiuj plaĉos al ŝi multe pli ol la rozoj k. c... Li akceptis kore tian konsilon kaj fariĝis tre piema monako. Unu tagon, li rajdis surĉevale tra densa arbaro portanta monon k.c., por la monaĥejo. Subite li ekmemoris ke li devos diri siajn Ave'ojn kaj pro tio saltis sur la herbon kaj komencis preĝi. Nu dume, 2 rabistoj rigardis lin atente kaj alproksimiĝis por forŝteli lian ĉevalon; sed subite haltis pro stranga vidaĵo kiu detenis ilin iri plie. Dum li preĝadis, je la fino de ĉiu Ave, rozo aperis en lia buŝo kaj apud li staris belega Sinjorino kiu kaptis la rozojn kaj formis ilin en ĉirkaŭkolon kiun ŝi poste metis sur lin. Tiam ŝi malaperis kaj la rabistoj proksimiĝis kaj demandis de li pri la S-ino k.c, kaj minacis konduki lin en la monakejon pro lia sekreta renkonto de S-ino en la arbaro k.c., Ju pli ili demandis kaj minacis, des pli li miris, kaj fine divenante ke estis vere Nia Sinjorino (ĉar li vidis nenion nek la rozojn) li diris. « Nu Vi vidis ĉion kaj mi nenion. Neniel dubu ke tiu ĉi mirinda miraklo okazis speciale por via konvertigo ». Je tio la rabistoj surgenuis kaj petis pardonon. Li petis ilin sekvi lin en la monakejon kaj tie, post kelktempa provado ili decidis eniri la ordenon kaj fariĝis monakoj, en kia sankta stato ili daŭrigis ĝis la morto.

Multaj aliaj artikoletoj kaj revuoj interesegaj troviĝas en gazeto, plenaj de intereso po Katolikoj.

*
* *

*The Tablet*, Julio 4-a.

El la plej gravaj artikoloj estas la jenaj

1. Ĉu la Parlamento de Anglujo povas nuligi la leĝojn de Dio?

2. Kial la Urbestro de Stockport bonvenas katolikajn lernejojn.

La parolado de Sro Sadler ĉe Pan-Anglikana Kongreso. Pri Edukado al Instruantoj (Religiaj precipe) okupis tutan kolonon de la ĵurnalo. Vere ĝi estas atentindu kaj leginda.

N-o 1 estas artikolo pri la nova leĝo en Anglujo, kiu permesas al iu (viro) edziĝi kun la fratino de sia mortinta edzino. Jen interesa afero kiun oni longe disputis en la Archis Juĝejo ĉe (Canterbury S-ro A. Bannister, homo de tre alta karaktero kaj ankaŭ piema Anglikano, deziris edziĝi kun la fratino de sia mortinta edzino. Pro tio li kune, kun sia fianĉino veturis Kanadujon kaj la 12-a de aŭg. 07 edziĝis laŭdezire ĉe Montreal. Sed ĉar ili havis la « animus revertendi » ne estis permesite kune loĝadi en Kanadujo kaj ankaŭ la edziĝo estis tute kontraŭ la ĝistiama leĝo de Anglujo. Estas strange, sed ĝuste 2 semajnojn poste tiaj edziĝoj estis permesataj de nova leĝo (aŭg. 28-a 07) tial, ĉar la nova leĝo estis ankaŭ retrospektiva, lia edziĝo iĝis tute laŭleĝa. Nu, spite tio, venis la disputindaĵo. Reveninte Anglujon li kune kun edzino iris laŭkutime en la preĝejon de Eaton (en Dioceso de Norwich), sed bedaŭre la Kanono ne permesis ali ili komuniiĝi. Li diris : Vi vivadas entute en malbona kaj malĉasta stato kaj pro tio la kongregacio sentas sin tre ofendita. Nu la vidpunkto de la Angla Eklezio estas, ke tia edziĝo estas tute kontraŭ la leĝo de Dio, sed nun per nova leĝo la Angla Parlamento vere nuligas tion ? Ŝajnas ke oni riproĉis al Nia Eklezio ke ni iam ilin permesis. (Vere la mal-

**LA LANDO DE MIRAKLOJ fine aperis**
**kaj estas aĉetebla por O fr. 50 afrankite**

permeso tute ne estas Dia leĝo, sed la Papo nur permesas ilin kiam ekzistas bonega kaŭzo por la ago). Oni rizervas juĝon, sed estos vere amaza atendi la decidon.

N-o 2. La Urbestio kune kun sia edzino ĉeestis la publikan malfermon de nova Katolika Lernejo en Heaton Norris. Malferminte ĝin la Urbestro (ne katolika, sed tre tolerema, faris bonegan paroladon kaj forte esprimis siajn sentojn rilate al la antaŭenemecon de niaj Eklezianoj rimarkante ke anstataŭ atendadi permeson aŭ monhelpon de la Registaro oni atakis la laborproblemon tutkore kolektante monon konstruigante mem taŭgajn lernejojn kaj donante amplekson edukadon al la infanoj, tute sendepende de iu. Pro tio mi tre ŝatas helpiVin laŭ mia tuta eblo kaj vere deziras keVi ĉiam prosperu. Laudinda parolado !

1. Enhavas la plenan tekston *latine* de la nova Dekreto de Papo Pio X per kiu Granda Britujo, U.-Ŝ. A. kc., ĉesas esti de nun misiaj landoj.

Pri la 5 Duboj rilate al partoj de la libro de Isaias oni enpresigas plene kune la respondoj de la Pontifika Komisiitaro *nome* :

NE ! post ĉiu dubdemando.

*The Tablet*, julio 11.

Sur p. 62 estas artikolo pri la subita morto de Pastro Burns S. J. filo de S-ro J. Burns la fama fondinto de Katolika Eldonejo « Burns kaj Oats » firmo tre konata ĉie en la Katolika Mondo. S-ro J. Burns fariĝis katoliko en 1847 kaj de tiam firme decidis publikigi nenion krom Katolika Literaturo kaj al tio la firmo, spite perdoj unue, ankoraŭ tenadas sin tre prospere.

## LOURDES

La Jubileaj Festoj de Julio 16-a (Datreveno de la 18-a kaj lasta aparacio). — Belegaj estis la festotagoj de ebruaro, per kiuj malfermiĝis la Jubileo.

Tre kortuŝantaj ankaŭ estis la solenoj de la 24 kaj 25

marto, dediĉitaj al la memoro de l' tago, kiam la Sankta Dipatrino nomis sin *Senmakula Koncepcio.*

Tamen ni devas deklari, ke la spektakloj, kiujn ni admiris en julio 14-a, 15 kaj 16, superis pro soleno kaj entuziasmo ĉion, kion oni jam vidis en Lourdes.

La ĉeesto de Princo de l' Eklezio, ĉirkaŭita de 18 ĉefepiskopoj aŭ episkopoj el Italujo, Indujo, Afriko, Ameriko aŭ Franclando; miloj da pastroj el ĉiuj lingvoj kaj ĉiuj nacioj; almenaŭ 70.000 pilgrimantoj, kies fervoro, entuziasmo kaj pieco nutriĝis per la varma kaj penetranta elokventeco de M-ro Izart, episkopo de Pamien, de Kardinalo Andrieux, ep. de Marseille, de M-ro Schœpfer, ep. de Tarbes; la grandiczaj ceremonioj kaj fine ideala vetero; ĉio donis al tiuj solenoj nekompareblan grandecon.

Ni ne forgesu la Pontifikan meson, kiun solenigis ĉe la Groto M-ro Grasselli, ĉefep. de Viterbe (Ital.), je 5 h. 30 vespere, — horo de la lasta aparacio, en 1858. Tiu, ĝis nun neniam donita, permeso estas ŝuldata al la dolĉa amo de Pio X-a por la Sankta Virgulino.

Ni ĉeestis tiujn festojn, sed bedaŭrinde ni ne povis plene ĝui ilin, pro malhelpanta sanstato. Ni revenis el Lourdes ne resanigita la Dia Providenco elektas mem la tagon kaj la horon por sia bonfaremo, kaj ni devas submetiĝi al lia senerara saĝeco... Tamen nia sano estas iom pli bona, kaj ni konservas la esperon, ke dum alia pilgrimo, aŭ eĉ sen pilgrimo, la Sankta Dipatrino nin plene resanigos. Danku ŝin niaj amikoj por la komencita plibonigo, kaj ili daŭrigu preĝi por la Direktoro de E. K.

Em. PELTIER.

## KATOLIK-ESPERANTISTAJ SOCIETOJ

PASTRA ESPERANTISTA FRATARO. — Rev. Rust, pastro de la Angla Eklezio estis erare enskribita en la P. E. F., en kiu estas nur katolikaj pastroj.

## PAĜO DE L' DIREKTOR

**Avizo.** — Multaj eble miras, tial ke ili ne ricevas respondon de ni. La sola kaŭzo estas, ke oni obstine skribas sen sendi poŝt-elspezojn por respondo, ĉu per internacia respond-kupono, ĉu per poŝtkarto kun responda flanko, ĉu (*nur en Francujo*) per poŝtmarkoj.

La multego da leteroj ricevitaj devigas nin respondi nur al tiuj, kiuj sendas respond-elspezojn.

**Al kunlaborantoj.** — Sendu ĉiun manuskripton por la n-o de *oktobro* antaŭ la *1-a de septembro*, kaj ĝenerale unu monaton antaŭ la apero de la sekvanta numero. Skribu *tre legeble* kaj nur sur unu flanko de l' papero.

**Preĝaro; 2-a volumo.** — La manuskripto de la dua volumo de l' Preĝaro estos baldaŭ finita. Ni esperas komenci la presadon antaŭ oktobro.

## PROGRAMO DE LA KATOLIKAJ KUNVENOJ
en Dresden

*Dum la Kvara Kongreso de Esperanto*

(de la 14-a ĝis la 19-a de aŭg. 1908).

### KATOLIKA KOMITATO

Prezidanto : Kanoniko Pichot, parokestro de *Ste-Devote* kaj Prezidanto de Instituto de Paco, Monaco.

Vic-Prezidanto P-o A. Richardson, profesoro ĉe *Institut St-Louis*, Bruxelles.

Sekretario de *Societo Katolika Internacia* (S. K. I.) P-o Derroite, 108, avenue Victor-Hugo, *Paris*.

Sekretario de *Pastra Esperantista Frataro* (P. E. F.) : P-o Richardson, ĉe *Institut St-Louis*, Bruxelles.

Sekretario por organizo de diservo P-o A. Frohns, en *Warstade*, Germanujo.

Sekretario por *Abelo Esperantista* (A. E.) : S-o Pichot.

*Lokoj kaj horoj de la kunvenoj estos konigitaj per afiŝoj, dum la Kongreso.*

### DISERVO

La katolika Diservo okazos la 16-an de aŭgusto, en la preĝejo de SS. Koro de Jesuo, je 11 h. kaj duono. La preĝejo estas en strato Porsberg. Kanoniko Pichot predikos en Esperanto. La kantoj esperantaj estos organizataj de S-ino Guivy. Ni tre petas niajn samreligianojn, ke ili bonvolu helpi ŝin en tiu tasko, por'la gloro de Dio. — Avizoj estos afiŝataj en okazo de ŝanĝo pri supraj informoj. — *Ne forgesu aĉeti la* KATOLIKA PREGARO, *antaŭ via vojaĝo al Dresden.*

### KUNVENO DE *Societo Katolika Internacia*

En tiu kunveno oni raportos pri la demandoj enskribitaj en la malsupre presita demandaro.

Aliaj demandoj povos esti traktataj, kondiĉe, ke oni avertu la Prezidanton, K-kon Pichot, *antaŭ* la Kunveno.

Oni devos ankaŭ redakti mallongan Regularon, por precizigi la celon de la societo, la profitojn, kaj la kondiĉojn por aniĝo.

— Mi esprimas la deziron, ke la nomo de la societo estu de nun *Katolika Societo Internacia* (K. S. I.) pro belsoneco.

### KUNVENO DE *Pastra Esperantista Frataro*

La programo de tiu kunveno estos simila al tiu de K. S. I. Raporto pri la demandaro, redakto de Regularo definitiva; ekzameno de aliaj demandoj, laŭ deziro esprimita al la Prezidanto *antaŭ* la Kunveno.

Jen projekto de Regularo, legita dum la kunveno de la Tria Kongreso ;

### *Projekto de Regularo por P. E. F.*

1. **Celo.** — Unuigi la katolikajn pastrojn diversnaciajn por faciligi inter ili per Esperanto rilatojn, pri pastraj sciencoj kaj ĉiuspecaj religiaj aferoj.

2. **Organo kaj kotizaĵo.** — La organo estas *Espero Katolika*, kaj la kotizaĵo estas abono al *Espero Katolika*. — Sed estas tre dezirinde, ke la Societo havu *specialan Aldonon* al la gazeto por pritrakti specialajn demandojn, kiuj ne interesus la ordinarajn legantojn de E. K. (Ekz. analizo de la ĉefaj gazetoj katolikaj notoj pri libroj teologiaj, filozofiiaj, Bibliaj, ktp.).

Tiu *Aldono* povos ekzisti nur kiam la nombro de la societanoj estos sufiĉa por pagi la preson de ĝi. Tiam, kompreneble, oni devos iom pligrandigi la kotizaĵon.

3. **Adres-libro.** — Estas dezirinde ke ni havu *Adreslibron* de ĉiuj katolik-Esperantistaj Pastroj, por ke la katolikaj Esperantistoj, kiuj vojaĝas, povu sin turni al samideanaj pastroj, se ili bezonas religian helpon. La kunveno diskutos per kiuj rimedoj oni povas presigi tiun adreslibron.

4. **Agado.** — La membroj de la *Frataro* devos *a*) klopodi por disvastigi Esperanton inter siaj kunfratoj ; *b*) konigi la organon de la Societo (ili povos ĉiumonate peti la sendon de unu numero al amiko, senpage) ; *c*) kunlabori, se eble, al *Espero Katolika*, per tradukoj aŭ originalaj verkoj, aŭ sendante informojn pri la propagando.

5. **Organizacio.** — Projekto de Regularo estos proponata al la kunveno por diskutado. Jen skizo komitato da 5 membroj administras la societon Prezidanto, Vic-Prezidanto, Sekretario-kasisto, kaj du Komitatanoj. — Ili estos elektitaj por tri jaroj (la unuan fojon, provizore por unu jaro, post kiu ili estos definitive elektitaj aŭ ne).

En ĉiu nacio, kiam estos eble, la societo havos *Korespondantojn*, kies ofico estos informi pri la religia movado, sendi analizon de la ĉefaj artikoloj en katolikaj gazetoj, propagandi inter la pastroj..

Ni esperas ke tia Frataro tre utilos por la *Unuiĝo de Kristanaro*. Ĝis nun ne ŝajnas eble, nek konsilinde, ke la katolikaj pastroj unuiĝu en sama Societo kun protestantaj, rusortodoksaj aŭ grekaj pastroj ; sed se niaj fratoj

fondus, en ĉiu kristana eklezio, Frataron similan al la nia, oni povus esperi fruktodonan rezultaton.

### Kunveno de *Abelo Esperantista*

Sama programo, kiel la du unuaj kunvenoj. En Cambridge, bedaŭrinde, ne okazis kunveno de A. E. Estas dezirinde ke oni faru multon da reklamo por tiu kunveno de komercistoj kaj industriistoj, ĉar tiu societo havas celon *tre praktikan*.

Oni proponis ŝanĝi la nomon en *Abelejo Esperantista*, kaj ankaŭ malfermi la societon al *ne-katolikoj*. Tiuj demandoj povos esti diskutataj. Ŝajnas al mi, ke la celo de A. E. estus tute ŝanĝita, se oni farus el ĝi societon por ne-katolikoj.

Jen la projekto presita por la 3-a Kongreso :

### *Projekto de Regularo por* La Abelo Esperantista, *Amika Unuiĝo de katolikaj Komercistoj kaj Industriistoj.*

1. **Celo.** — Unuigi la katolikajn komercistojn kaj industriistojn el diversaj nacioj en Societo, por faciligi la komercajn internaciajn rilatojn.

2. **Organo kaj kotizaĵo.** — La organo de la Societo estas *Espero Katolika*, kaj la kotizaĵo estas la abono al *Espero Katolika*, kun plipago da 50 Sd (1 fr. 25) : 1 fr. por eldono de *Jarlibro*, publikigota jare de la Direktoro de *Espero Katolika* ; 25 centimoj por la Sekretariaj elspezoj kaj dissendo de la jarlibro al la Societanoj.

3. **Profitoj.** — Ciu Societano *a*) havos rajton presigi *unu* senpagan anonceton en *Espero Katolika* ; *b*) ĝuos rabaton de 40 p. 100 por anonci en *Espero Katolika ; c)* povos anonci en la *Jarlibro* laŭ sama tarifo ; *d*) ricevos sen plia pago la *Jarlibron*.

4. **Nomo.** — La nomo de la Societo estas *La Abelo Esperantista*. La abelo estas simbolo de senlaca kaj fruktodona laboro.

*La* deziroj *de la Kunvenoj estos presataj en E. K. oktobra, kaj ĉiuj membroj de la Societo estos petataj voĉdoni per letero pri akcepto aŭ ne-akcepto.*

*Same, post la Kongreso, komitatoj por la societoj estos proponataj al la voĉdono de la membroj. Tio estas la sola rimedo, por havi rajtigitan aŭtoritaton.*

---

## Demandoj ekzamenotaj dum la Kunvenoj.

1. Ni publikigas demandaron specialan por ĉia societo : S. K. I., — P. E. F., — A. E..

2. Tiujn demandarojn estas petataj respondi ĉiuj legantoj de E. K., eĉ tiuj, kiuj ne ĉeestos la kongreson, — ĉu per raporto, ĉu per simpla poŝtkarto aŭ letero.

3. Unu ĝenerala Raportanto estos elektata por ĉiu societo ; li resumos en ĝenerala raporto (mallonga), pri ĉiu demando, la diversajn respondojn ricevitajn, kaj proponos fine al la kunveno voĉdonon pri *deziroj*.

4. Tiuj ĝeneralaj raportoj, kaj la rezultato de l' voĉdono, estos publikigitaj en E. K. kaj oni laborados, post la kongreso, por ilin realigi.

Jen demandaroj por niaj tri societoj

DEMANDARO POR S. K. I.

1. Kiamaniere la K. S. I. povas utiligi Esperanton?

2. Kiuj estas, laŭ vi, la plej bonaj rimedoj por propagandi Esperanton inter la katolikoj ?

3. Kion vi pensas pri projekto de internacia kongreso de katolika agado en 1910, per rimedo de Esperanto?

4. Ĉu vi aprobas ke la provizora regularo (Vidu supre) fariĝu definitiva, kaj ke oni voĉdonu per korespondado por nomi komitaton?

DEMANDARO POR P. E. F.

1. Kion fari por ke Esperanto povu esti *vere utila* al pastroj.

2. Cu ne estas dezirinda ke oni presu internacian kolekton de libroj speciale utilaj al pastroj pri Sankta Skribo, pri Teologio, pri Historio de Eklezio, ktp.?

3. Kion vi pensas pri kreo de Pastra komitato por eldoni la novan Testamenton kun katolika komentario? Kian planon vi proponas pri tio?

4. Kiaj estas, laŭ vi, la plej bonaj rimedoj varbi la pastrojn al Esperanto? Ĉu *Latina ŝlosileto Esperantista* ne tre utilus por tiu celo?

5. Propagando inter la misiistoj, religiuloj kaj religiulinoj? Rimedoj.

6. Ĉu vi aprobas ke la provizora regularo de P. E. F. (Vidu supre) fariĝu definitiva, kaj ke oni voĉdonu per korespondado por nomi komitaton?

DEMANDARO POR ABELO ESPERANTISTA

1. Kiamaniere agadi por kunigi kaj interrilatigi la katolikajn komercistojn kaj industriistojn?

2. Kiajn utilojn ili povas ricevi de Societo A. E.?

3. Ĉu la membroj de S. K. I. kaj de P. E. F. ne devas *kiel eble plej* sin turni al la Abelanoj por siaj aĉetoj?

4. Ĉu ne estas dezirinda, ke la katolikoj faru specialajn enketojn kaj raportojn pri la produktoj komercaj kaj industriaj, por favorigi la A. E.? Kian planon vi proponas por tion efektivigi.

5. Ĉu vi aprobas ke la provizora regularo fariĝu definitiva, post ŝanĝo de l' artikolo pri kotizaĵo, kiu estus forĵetata, — kaj ke oni voĉdonu per korespondado por nomi komitaton.

LA DIREKTORO DE E. K.

## PETRA MONERO

| | |
|---|---|
| *Espero Katolika* . | 25 fr. |
| Speranza. | 1 fr. |
| S-o Baras | 1 fr. |
| Anonimo. | 1 fr. |
| S-ino Guivy, Tours | 10 fr. |
| S-o J. Pion, Beaune | 1 fr. |
| Anonimo. | 2 fr. |

*Ni tre rekomendas al niaj legantoj tiun subskribon, kiu devas esti fermata antaŭ la 1-a de novembro. Ĝi devas esti inda de la katolikaj Esperantistoj.*

## LIBROJ EN AŬ PRI ESPERANTO.

*Ifigenio en Taŭrido* (Goethe), dramo en 5 aktoj, trad. D-ro Zamenhof. Kun kvar portretoj de D-ro Zamenhof kaj de la tri ĉefaj aktoroj. Prezo 2 fr. (0,80 Sm). Paris, Hachette. Berlin, Moller kaj Borel.

*Makbeto* (Shakespeare), dramo en 5 aktoj, tradukis D.-H. Lambert, B. A. Dediĉita al la franca Esperantistaro. Paris, Hachette. 2 fr.

*La Reĝlando de l' Rozoj* (Arsène Houssaye), esperantigita de Paul Champion. Prezo 50 centim. — Carma rakonto, bonege skribita. — Paris, Presa Societo.

*Plej gravaj ĉefverkoj de la Eŭropaj muzeoj.* Unua serio. Albumo da dek poŝtkartoj kun kromfolioj (?). Prezo 1 fr. — *Esperantaj Perleroj*, tri broŝuretoj da 22 paĝ. Ciu : 30 centim. Paris, Presa Societo.

*Grand Dictionnaire Français-Esperanto*, 9-a kajero, De vorto *bibliomane* al *boiteux*. — *Bibliographie de l'Esperanto et classification décimale universelle.* Edition française. 0 fr. 50. Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris.

*La Vangfrapo,* unuakta komedio de Abraham Dreyfus. Trad. Ŝ. Sar. 52 p.: 0 fr. 75. Librejo Warnier, 15. rue Montmartre, Paris.

*Faukner-Adresaro* ĵus aperis kaj estas ricevebla por 20 Sd. (sendeblaj per poŝtmarkoj) afrankite. Skribu al R. Faukner en Hostaĉov, Bohem-Aŭstrio. Enskribo en la venontaj eldonoj, kiuj baldaŭ sekvos, estos senpaga.

*Internaciismo kaj Pacifismo* (J. Duroux), trad. el revuo *L'Action Franciscaine :* Ary-Bourg. Raportas pri la diversaj konceptoj de Pacifismo kaj Internaciismo. Konkludas ke la katolikoj devas esti pacifistoj laŭ la bona signifo de tiu vorto. Tre leginda. Prezo : 0 fr. 25. Presejo de *Espero Katolika.*

## LIBROJ LEGINDAJ

**Répertoire maçonnique** (Framasona Nomaro) enhavanta la nomojn de 30.000 Framasonoj el Francujo kaj kolonioj, kolektitaj de l'*Asocio antimasona de Francujo*. Vol. in-8, 792 paĝoj. Prezo 7 fr. 50 (3 Sm.). Aĉetebla

ĉe l'*Asocio*, 42, rue de Grenelle, Paris; aŭ ĉe Librejo Lethielleux, 10, rue Cassette.

La *Association Antimaçonnique de France* donis al si la mision konigi, per autentikaj dokumentoj, la « filozofian. politikan kaj socialan influon de la Framasonaro ».

Ni plej varme rekomendas tiun libron. La Framasonoj sin kaŝas. Kial, se[[ kiel ili proklamas, ili estas nur bonfaranta kaj helpa societo? Ni estos tre kontentaj koni tiujn Bonfarantojn de l' Homaro!

**Travail à domicile et relèvement du salaire féminin** (Hejma laboro kaj plialtigo de salajro por virinoj). — Broŝuro 32-p. (prezo 0 fr. 25) publikigita de la bonega kaj praktika *Action Populaire* (Popola agado), 48, rue de Venise, Reims (Marne), Francl. — Atente leginda.

La A. P. ĵus publikigis ankaŭ la 6-an numeron de *Revue de l'Action Populaire* (64 p.) tre praktika kaj interesanta gazeto pri ekonomiaj kaj socialaj kvestionoj. La A. P. publikigas ĉiu-monate broŝuron da 32 paĝoj kaj kaj kajeron 64-paĝ. de la gazeto. La abono por unu jaro al ĉiuj eldonaĵoj estas 7 fr. 50 (ekster Francl. 8 fr. 50).

**Le travail des femmes dans l'industrie française** (0 fr. 25), ĉe *Action Populaire*. N-o 180, de Marthe Jay. — La nokta laborado de virinoj prezentas nekontesteblajn danĝerojn por laboristaj familioj. L' aŭtoro raportas pri tio, kion oni jam faris, pri tio, kio estas farinda por malaperigi tiun laboron; liveras studon pri la Franca leĝo de Novembro 2-a 1892, kaj analizas la internacian konvencion de Berne, pri forigo de nokta laborado.

**La coopération ouvrière de production** (0 fr. 25, ĉe *Action Populaire*). N-o 181, de Jean Hachin. — En tiu broŝuro l' aŭtoro difinas la laboristajn koperativojn de produkto, rakontas ilian historion kaj priskribas la kondiĉojn por fondo kaj bona funkciado de laborista koperativo. Pensas, ke la koperativoj multe plibonigos la situacion de laboristoj.

**L'histoire et les idées du Sillon** (Historio kaj ideoj de l' « Sulko »), de Marc Sangnier. 32-p. broŝureto, kiu

klare konigas tiun tre atentindan movadon demokratian de junaj Francoj. Prezo 0 fr. 15 ; Sillon, 34, Boulevard Raspail, Paris.

**Manuel du Catéchiste** (Instru-libro por katekistoj). — In-8, 595 p. Metodo por instrui katekismon. Tiu grava libro, verkita de Frato de katolikaj lernejoj, estas sendube la plej bona pri tiu temo. Ni rekomendas ĝin al ĉiuj pastroj kaj katolikaj instruistoj, kiuj povas legi France. L'aŭtoro jam ricevis multajn kaj laŭdajn aprobojn de episkopoj. — Aĉetebla ĉe *Procure genérale des Frères des Ecoles chrétiennes*, 78, rue de Sèvres, Paris.

*Petit Manuel d'Homœopatie complexe* (Lernolibreto pri homeopatio kompleksa). — ¡La homeopatio, malgraŭ plej vigla kaj maljusta kontraŭstaro, definitive konkvestis sian lokon en la kurac-arto. Longa serio de bonfaroj trudis ĝin ne sole al la publiko, sed ankaŭ al la kuracistoj, kiuj volis atenti la ricevitajn rezultatojn. Kiom multaj estas la personoj resanigitaj, eĉ post malespero, kiuj povus atesti la verecon de miaj paroloj! Kiom da pastroj, da misiistoj precipe, povus rakonti la bonfarojn disigitajn ĉirkaŭ ili, per la helpo de kuracado faciligita de sia mirinda simpleco !

Mi do estas feliĉa, ke mi povas signali al l' atento de l' publiko la *Lernolibreton de Homeopatio kompleksa*, destinatan al konigo de la *metodo kompleksa*, kreita de mia amiko D-ro Ponzio, el la Medicina Fakultato Pariza, sperta kuracisto, de senfina bonkoreco, kies verko bonfaranta estas nun daŭrigata de liaj sindonemaj disciploj.

La *Lernolibreto* estas libro esence praktika kaj *komprenebla por ĉiuj*. Ĝi estas la resumo de dudek-jara praktiko medicina kaj enhavas, pro tio, interesantajn rakontojn de sanigoj faritaj de doktoroj, pastroj, instruistoj, personoj ĉiurangaj, al si mem aŭ al amikoj. La efiko de tiu ankoraŭ nemulte konata kuracado estas atestata de serio de resanigoj vere rimarkindaj.

Tial oni povas rekomendi tiun *Libreton* al ĉiuj, kiuj ĝis nun vane serĉis plibonigon por siaj doloroj, ankaŭ al ĉiuj personoj kiuj, pro bonkoreco aŭ homa solidareco, interesas sin pri la bonstato de siaj similuloj. P. ALEX, misiisto.

P. S. — Le *Petit Manuel d'Homœopathie complexe* estas sendata senpage kaj afrankite, por propagando, al ĉiu persono kiu per afrankita letero petos ĝin de Sinjor Direktoro de la *Clinique*, 2, rue Portalis, Paris-VIII.

Klaudius LEKTOR.

## VOJAĜO AL DRESDEN

Kompreneble ni ne povas liveri prezon de vojaĝo por ĉiuj landoj. Laŭ infermoj liveritaj de S-o Junot, Direktoro de l'*Agence des Voyages pratiques*, 5, rue de Rome (nova adreso) Paris, jen prezoj de vojaĝo kun diversaj kombinoj por Francoj ;

1. Paris — Erquelines — Dresden — Erquelines — Paris, 2-a klaso 135 fr. 70 ; 3-a klaso : 89 fr. 85.

2. Paris — Erquelines — Dresden — Berlin — Cologne — Erquelines — Paris, 2-a klaso 142 fr. 85 ; 3-a klaso : 95 fr. 65.

3. Paris — Erquelines — Dresden — Pragues — Dresden — Berlin — Cologne — Erquelines — Paris, 2-a klaso : 176 fr. 50 ; 3-a klaso 113 fr. 20.

4. Paris — Avricourt — Munich — Nuremberg — Prague — L'Elbe (sur ŝipo) — Dresden — Berlin — Frankfort — Heidelberg — Avricourt — Paris, 2-a klaso : 176 fr. 95 ; 3-a klaso 122 fr. 30.

Oni povas ricevi biletojn, petante ilin kun sendo de mono kaj 0,35 plie pro rekomendita sendo de l'bileto.

Oni povus ankaŭ peti de S. Junot aliajn kombinaĵojn.

## 'SAKOJ

Sub la redakcio de S-o Al. Wagner, Stanislau, 2. Aŭstrujo.

### Kongreso.

La kunveno de la Societo de Esperantistaj Ŝakludantoj okazos vendredon, la 21-an de aŭgusto 1908, en la Teknika Altlernejo, Dresden, je la 4-a horo. Krom tio la kafejo Konig, 1-a etaĝo, Waisenhaus-strato estos la tutan tagon malfermata por ricevi la ŝakludantojn. Oni povas trankvile tie ludi sen pago.

John Ellis.
*Sekretario de la Societo de Esperantistaj Ŝakludantoj.*
Keighley, Anglujo.

*Le Directeur-Gérant,* Em. PELTIER.

Presejo de *Espero Katolika*. Sainte-Radegonde (I.-et-L.), France

# REKLAMOJ

*(Vidu tarifon sur dua paĝo de l' kovrilo.)*

**Faukner-Adresaro** de esper. korespondantoj, tre bone arangita, aperados de julio. Prezo (afrankite) kun enpreso de adreso 50 hel. 10 ekz. 4,50 K, 50 ekz. 21 K. — Esperanto-Oficejo de K. E. *Krupka en Hradec Kralové* (Bohemujo). — Sendu tuj vian adreson kun o fr. 55.

# L'ŒUVRE DE LOURDES

FRANCA VERKO DE D-ro BOISSARIES

— ILUSTRITA PER 60 SIMILIGRAVUROJ —

*Granda volumo in-8; 400 paĝoj. Prezo : 3 fr. 50*

Sub titolo « Lando de Mirakloj », kun permeso de l' aŭtoro kaj de l' eldonisto, baldaŭ aperos ekstraktoj de tiu rimarkinda libro, publikigata okaze de l' 50-a dat-reveno de l' Aparicioj de Lourdes.

Aĉetebla ĉe *Espero Katolika*. Sendu monon kun la mendo.

## COURS ÉLÉMENTAIRE D'ESPERANTO

Publié dans *Les Langues Vivantes*

PAR

Em. PELTIER, Dir. de E. K.

GRAMMAIRE — EXERCICES — PHRASÉOLOGIE — CONVERSATIONS

*Prezo : 0 fr, 30 ; (afrankite o fr. 35*

## MUZIKAJOJ DE S-ino JOSÉE GUIVY

**Ho, Mia Kor',** poezio de D-ro Zamenhof 1 fr.
**En Songô,** poezio de D-ro Zamenhof. 1 fr. 60
**Birdoj, forflugu,** poezio el *Flandra Literaturo* 1 fr. 60
**La du Muloj,** fablo de La Fontaine 1 fr. 60
**Himno**, poezio de P-o A. Dombrovski 1 fr. 25

## MEDALO DE LA 50-a DATREVENO DE L' APARACIOJ EN LOURDES

dirita *Medalo de la Dankeco.*

**Du modeloj : Nikelo arĝentumita, 2 fr.; nikelo arĝentumita kaj orumita, 3 fr. 75. — Poŝta rekomendo, plie o fr. 10 en Francl., o fr. 25 ekster Francl.**

## KATALOGO DE ESPERO KATOLIKA

**Katolika Preĝaro,** 1-a volumo, 180 p., kun *Imprimatur* de M-ro Renou, 'Ĉefepiskopo de Tours . . 2 fr. 50
**Kato kun botoj,** luksa eldono, 6 ilustraĵoj. 0 fr. 50
**Cindrulino,** el sama kolekto. 6 ilustr. 0 fr. 50
*La du verkoj kune mendataj* . . 0 fr. 75
**La Katolikaj Esperantistoj ĉe la 2-a Kongreso** de Esperanto en 'Ĝenevo (1906). Plena raporto kun la prediko de P-o Em. Peltier . . . . . . . . . . 0 fr. 15
**Hebrea Kalendaro,** originale verkita de Pastro Jakobo Bianchini (Italo), kun *Imprimatur* de M-o Renou, 'Ĉefepiskopo de Tours . . . . 0 fr. 20
**Patro Nia,** ĥoro por soprano, aldo, tenoro kaj baso, dediĉita al la *Tria Kongreso* kaj kantita dum la meso por Katolikoj en Cambridge. Teksto kaj komponо de Johano GOTHARDO (154-a verko) ; 6 paĝoj da muziko. Aĉetebla pogrande *nur* ĉe *Espero Katolika.* Prezo : 60 Sd., 1 M. 25 1 fr. 50
**Pri unu speco de kurbaj linioj, koncernantaj la V-an Eŭklidan postulaton.** Verkis Profesoro DOMBROVSKI (2-a eldono). . . . . . . . . . . 0 fr. 65
**Pri novaj trigonometriaj sistemoj.** Originale verkis Prof. DOBMROVSKI . . . . 1 fr. 80
Aĉeteblaj *po-grande* nur ĉe *E. K.*
**Katolikaj Kunvenoj dum la Tria Kongreso** en Cambridge (1907) . . . . . 0 fr. 25
**Per Telefono,** sceneto de Jacques Freneuze; kun permeso de l' aŭtoro tradukis Josée GUIVY. 0 fr. 15

---

### PLENA KOLEKTO DE ESPERO KATOLIKA

1-a SERIO : 1-a j., — 2-a j., kaj 5 n-oj de la 3-a jaro. 'Ĉiu jaro 2 fr. (dek kajeroj da 88 paĝ.). Duono de la 3-a jaro (ĝis marto 1906) 1 fr. — (La *kolekto ĝis marto 1906 : 5 fr. afrankite*).

2-a SERIO : Duono de la 3-a jaro (de marto 1906 ĝis oktobro 1906) — 4-a jaro (de oktobro 1906 ĝis oktobro 1907) : 7 fr. 50 (En Francl. 6 fr.)

---

# INTERNACIISMO

KAJ

# PACIFISMO

1-a numero de Serio *Socialaj Demandoj* en MODERNA BIBLIOTEKO. 0 fr. 25

REVUE DU CLERGÉ FRANÇAIS (*Revuo de Franca Pastraro*). — Redaktoro : Pastro J. Bricout, 17, rue Fénelon. Administracio : Librejo Letouzey et Ané, 76 *bis*, rue des Saints-Pères, Paris. Jarabono, 3 fr. (En Francl. 20 fr.). 110 paĝoj duonmonate. Revuo tre progresema pri studoj pastraj. En ĝi kunlaboras la plej kleraj pastroj francaj.

L'ACTION FRANCISCAINE (*Franciskana Agado*). — Monata organo de Franciskanaj Asocioj. Bonega Franca revuo 32-paĝa. Pritraktas socialajn demandojn. — Abono jara : 7 fr. (6 fr. en Francl.). Admistr. 117, Bd Raspail, Paris. - 6e.

LES LANGUES VIVANTES (La *Vivaj Lingvoj*), Angla, Germana, Itala, Hispana, Franca kaj **Esperanta**. Ilustrita Revuo duonmonata. — Eldonita de la firmo Bloud, 4, rue Madame, Paris, ĉe kiu oni devas peti specimenon.

| **Abonoj :** | PLENA REVUO | 3 LINGVOJ | 2 LINGVOJ | 1 LINGVO |
|---|---|---|---|---|
| Francl. | 7 fr. 50 | 6 fr. | 4 fr. 50 | 3 fr. |
| Ekster Fr. | 9 fr. 50 | 7 fr. | 5 fr. 50 | 4 fr. |

LA REVUO. — Internacia monata literatura gazeto, kun konstanta kunlaborado de D-o ZAMENHOF.—'Ce Hachette kaj Ko, Paris. — Jare, Francujo : Fr. 6 ; ceteraj landoj Fr. 7 fr.

LINGVO INTERNACIA, centra organo de la Esperantistoj, 48 paĝoj (13 × 20 cm.), nur en Esperanto. Literatura aldono, 16 paĝoj. Jara abono : 7 fr. 50 (3 sm.). Administracio Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, Paris.

ESPERO PACIFISTA, monata organo de la *Societo por la Paco*. — Abono, 5 fr. kun aliĝo al la Societo kaj ricevo de la aldonoj. S-o Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine, Francujo.

TRA LA MONDO, tutmonda multilustrita revuo esperanta, — Nuntempaĵoj ; artoj, literaturo, scienco ; komerco ; industrio ; militistaro, maristaro ; teatro, sportoj ; virina kaj gejunula paĝo ; felietono ; ludoj ; konkursoj kun valoraj monaj premioj. — Jare 8 fr.; kvaronjare 2 fr. 25. — Turnu vin : 15, boulevard des Deux-Gares, Meudon (S.-et-M.), France, aŭ al la Direktoro de E. K.

Abono sen pluaj elspezoj en francaj poŝtoficejoj.

ANNALES APOSTOLIQUES DES PP. DU SAINT-ESPRIT (*Analoj Apostolaj de PP. de S-a Spirito*), 30, rue Lhomond, Paris. Jare 3 fr. 50, en Francl. 3 fr.

GAZETTE PÉRIODIQUE DE LA BOURSE DE PARIS, 3, rue d'Amboise.— Serioza grand-formata gazeto financa, France redaktata. — Abonoj : Francl. 3 fr.; ekster Francl. 6 fr.

**FRANCA-BRITA EKSPOZICIO.** — Pensio por Gesinjoroj — Hejmaĵ komfortaĵoj. — Bano. — Moderaj prezoj. — Oni parolas Esperante, France, Angle. — S-ino O'Connor, Esperanto House. 17, St-Stephens Sqr. Bayswater, London. 1

# MODERN-JOURNAL

semajna, sporta, literatura, teatra ; en Franca lingvo.

Petas korespondantojn, redaktorojn en ĉiuj urboj ;
Estas organo de l' grava Societo de kolektistoj : *L'Amicale Internationale Echangiste.*

Serioza konkurso **50** fr. por unu « Soneto ».

*Modern-Journal* presas la novelojn, rakontojn, kc. de siaj legantoj.

PROPAGANDA ABONO. — Detranĉante tiun anoncon : 3 fr. jare, anstataŭ 6 fr. ; — 2 fr. por 6 monat. anstataŭ 3 fr. — Directeur de *Modern-Journal*, 46, rue du Nord, Paris-18.



# KATO KUN BOTOJ

Legolibro por komencantoj

*Granda Rabato* —
— *Prezo* *nur* **0** fr. **25**

La fil'o de muel'ist'o obe'is si'a'n amik'o'n kat'o'n, sen-vest-iĝ'is kaj salt'is en akv'o'n. La ruz'a kat'o for-kur'is kun li'a'j vest'o'j por ili'n kaŝ'i sub larĝ'a ŝton'o.

Dum'e la reĝ'o vetur'is tie'n kun si'a'j fil'in'o'j. Kat'o ek-al-vok'is laŭte : « Help'o'n ! Help'o'n ! aŭ mia mastr'o markiz'o de Karabas dron'os ! » La reĝ'o tuj halt-ig'is si'a'n vetu-ril'o'n kaj demand'is kia est'is afer'o. La kat'o respond'is, ke dum li'a mastr'o ban-iĝ'is, ŝtel-ist'o'j for-pren'is lia'j'n

**CINDRULINO** (el sama kolekto). — Granda rabato : Prezo *nur* **0** fr. **25**

Presita per literoj signitaj el la firmo ALLAINGUILLAUME & Cie, fandistoj
21, rue Montparnasse, Paris